# Kontakto

# Usono: unu lando, du mondoj

- Vizaĝo de malriĉeco
- Kiam via lando... ne ekzistas
- Raporto el la "Tutmonda Vilaĝo"
- Roza Luksemburg, la hereza marksisto
- Kial misfunkcias "la meza vojo"



Saluton!

Malriĉeco ĉiam estis – kaj daŭre restas – unu el la plej grandaj problemoj en la mondo. Uragano Katrina, kiu trafis du el la plej malriĉaj ŝtatoj en Usono, montris al la tuta mondo, ke neniu lando – eĉ "superpotenca" Usono – estas imuna al ĝi... Ĝuste pro tiuj ĉi lastatempaj bedaŭrindaj eventoj ni decidis iom modifi nian originalan temon de la kvina numero – "politiko" – kaj fari en ĝi apartan akcenton pri malriĉeco.

Tiu ĉi uragano ankaŭ frape montris al la tuta mondo, kiel la usona registaro dum jardekoj neglektis malriĉulojn kaj faris tre malmulte – se eĉ ion entute – por elradikigi malriĉecon. Jen ekzemplo: kiam granda ŝtormo trafis la relative riĉan Floridon (antaŭ la voĉdonado), BUSH jam en la sama tago estis tie. Kiam la samo okazis en malriĉaj Luiziano kaj Misisipio, li nur post kvar (!) tagoj iris al la loko, dum ĉiuj spektis televide, kiel homoj mortas pro senakviĝo de la korpo, malsato kaj malsanoj... "BUSH tuj sendis helpon al la golfa regiono post kiam li ekscis, ke tie troviĝas nafto", – ŝercis usona komediisto.

Evidentiĝis, ke panika timo de terorismo plene forlogis la atenton de la potenculoj for de la ĉiutagaj enlandaj aferoj, kiel fortikigo de la digoj en Nov-Orleano... La usona gazetaro nomis la malrespondecemon, ĝisostan rigidan burokratecon, neglektemon kaj ekstreman neprofesiecon de la registaro "nacia honto"... Jen alia ekzemplo: medicinista teamo el Georgio (kie mi loĝas), kiu iris al la katastrof-regiono tuj post la ŝtormo, estis sendata de unu urbo al la alia, tra kvar ŝtatoj, dum dek tagoj! Entute ili trairis 1,7 mil mejlojn kaj dum la tuta "odiseado" la teamo helpis nur al unu homo – tute hazarde, ĉar li loĝis en la sama hotelo...

En tiu ĉi numero atendas vin tuta fasko de artikoloj rilataj al politiko kaj malriĉeco. En la artikolo "La nekonata Usono" (p. 3-4) Joel AMIS rakontas pri la radikoj de malriĉeco en Usono. Daŭrigas la temon GBEGLO Koffi, Togolando (p. 5) – li rakontas pri malriĉeco en subsahara Afriko.

Ĉednestrio estas eta... eta kio? Ĉu lando, ĉu teritorio, ĉu aŭtonoma respubliko?.. Malfacilas diri ĝustan difinon. Pli bone simple legu la intervjuon kun Olga GRIBOVAN (p. 6-7): Olga loĝas en la lando, kiu oficiale ne ekzistas...

Ĉi-somere nia loka E-grupo vizitis la Tutmondan Vilaĝon – kulturedukan projekton de la internacia organizo *Habitat for Humanity*. Legu la raporton pri tiu vojaĝeto sur p. 8-9!

Roza LUKSEMBURG estis herezulo inter marksistoj. Ŝi same kontraŭis bolŝevismon kaj pledis por demokratia socialismo. Legu artikolon de Olivier GAUDEFROY, Francio, sur p. 10 pri tiu ĉi elstara virino.

La laŭmoda vorto "novliberalismo" estas certe konata al multaj – tre ofte ĝi estas prezentata kiel la sola ĝusta ekonomika skolo. Ĉu vere estas tiel?.. Legu la kritikan analizon de Felix ZESCH, Germanio (p. 11-12).

Atendas vin ankaŭ rakonto de Adjévi ADJE, Togolando, rakonto de Cezar, kiu tre bone kongruas kun la ĉi-numera temo, recenzo kaj kelkaj pliaj rakontetoj.

Mi esperas, ke tiu ĉi numero plaĉos al vi kaj ke vi ankaŭ ne forgesos baldaŭ rekotizi por TEJO, UEA aŭ por simpla abono de *KONTAKTO*. Ni jam kompilis provizoran temaron de *KONTAKTO* por 2006, kaj mi esperas, ke vi nepre trovos inter la menciitaj temoj ion, kio aparte interesas ankaŭ vin! Viaj artikoloj, opinioj, sugestoj kaj konsiloj pri tiuj ĉi kaj pri ĉiuj aliaj temoj – kiel ĉiam – estas tre ege atendataj kaj bonvenaj! Agrablan legadon!

*Ĵenja*

## <ENHAVO>



## Provizoraj temoj de *KONTAKTO* en 2006

2006:1. KIE MITOJ KAJ REALECO INTERPLEKTIĜAS. Limdato: 15-a de decembro.

2006:2. VEGETARANISMO/BESTAJ RAJTOJ. Limdato: 1-a de februaro.

2006:3. LINGVOJ. Limdato: 1-a de aprilo.

2006.4. EGALAJ RAJTOJ/FEMINISMO. Limdato: 1-a de junio.

2006.5. TUTMONDIĜO. Limdato: 1-a de aŭgusto.

Ĉiuj viaj artikoloj, ideoj, konsiloj, rimarkoj estas pli ol bonvenegaj kaj tre bezonataj! Kontaktu la redakcion laŭ la nova adreso: Kontakto, 16800 Phillips Rd. Alpharetta, GA 30004 Usono; ret-adreso: <kontakto@tejo.org>. Se vi sendis ion al la malnova adreso, ne timu, via letero ĉiukaze atingos la redakcion, simple kun ioma malfruo.

### Kiel sendi kontribuojn al *KONTAKTO*?

- ✔ sendu prefere tekston originale verkitan en Esperanto aŭ foton/bildon memfaritan
- ✔ se vi sendas tradukon, bv. indiki la originajn fontojn, lingvon kaj aŭtoron. Ĉe fabelo indiku, ĉu ĝi estas popola (kaj de kiu popolo) aŭ verkita de vi
- ✔ *KONTAKTO* ne estas movada revuo, do *ne sendu al ĝi primovadajn raportojn!*
- ✔ indiku, ĉu via artikolo jam aperis, aŭ estas proponata al alia revuo
- ✔ fotoj devas esti bonkvalitaj, ne gravas ĉu nigrablankaj, ĉu koloraj. Ne forgesu aldoni la nomon de la artisto aŭ de la fotinto!
- ✔ dikajn kovertojn prefere sendu registritaj.
- ✔ rete bv. sendi vian artikolon kiel kutiman retmesaĝon aŭ RTF (bv. uzi x-kodon por supersignaj literoj); bildojn – kiel JPEG (150-300 dpi)
- ✔ ilustraĵoj kaj adresoj en la interreto, kiuj rilatas al via temo, estas tre bonvenaj! **Koran antaŭdankon!**


***KONTAKTO***: Dumonata socikultura revuo de **Tutmonda Esperantista Junulara Organizo** (TEJO), eldonata de **Universala Esperanto-Asocio** (UEA). **Fondita** en 1963. **N-ro 209** (2005:5), 42-a jarkolekto. **ISSN** 0023-3692. **Legata** en ĉ. 90 landoj. **TTT-paĝo:** <http://www.tejo.org/eldonoj.jsp>. **Eldonanto** (administrado, abonoj, anoncoj): **UEA:** ✉ Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; tel.: +31 10 436 10 44, fakso: +31 10 436 17 51; ret-adreso: <uea@inter.nl.net>. **Redakcio:** *KONTAKTO,* 16800 Phillips Rd. Alpharetta, GA 30004 Usono; ret-adreso: <kontakto@tejo.org>. **Redaktoro:** Eugenia AMIS (Ukrainio/Usono). **Vic-redaktoro:** Joel AMIS (Usono). **Ĉef-korektisto:** Paŭlo MOĴAJEV (Ukrainio). **Presado:** SKONPRES, Bydgoszcz (Pollando), ret-adreso: <skonpres@poczta.onet.pl>. **Konstantaj kunlaborantoj:** Joel AMIS (Usono), Tatjana AUDERSKAJA (Ukrainio), Giancarlo BARALDI (Italio), Morteza MIRBAGHIAN (Irano), Paŭlo MOĴAJEV (Ukrainio), SALIKO, (Finnlando), Behrouz SOROUSHIAN (Irano/Francio). **Facillingvaj artikoloj** estas verkitaj en la niveloj t*re facila* kaj *facila,* laŭ la vortolisto de *KONTAKTO*. Tiu listo aperas kun la unua numero ĉiujare. **Anonctarifo:** Tutpaĝa 350 EUR, 1/2-paĝa 190 EUR, 1/4-paĝa 100 EUR, 1/8-paĝa 55 EUR, 1/16-paĝa 30 EUR. Anoncoj sur kovrilpaĝoj kostas duoble. Por E-organizaĵoj 50% da rabato. Varbantoj de ekstermovadaj anoncoj ricevas makleraĵon de 30 %. Por anoncoj bv. kontakti UEA. **Anoncetoj:** por *Anonctabulo* kostas tri internaciajn respondkuponojn por dek vortoj. Bv. sendi rekte al la redakcio aŭ al UEA. **Abontarifo:** varias laŭlande. Petu informojn de UEA. **Malfortvidantoj:** povas ricevi voĉlegitan eldonon senpage. Sendu du 60-minutajn kasedojn al Elise LAUWEN, Fort Alexanderstraat 16, NL-5241 XG Rosmalen, Nederlando. ***KONTAKTO* en radioj:** Regiono / tempo (UTC) / metroj / frekvencoj (kHz)): *Radio Havano (Kubo)* Okcidenta kaj Norda Ameriko kaj Pacifika Azio/ 7:00/31/9 820; Tuta Ameriko kaj Karibio / 15:00, 23:30/25/11 760; Eŭropo Mediteranea/ 19:30, 22.00/21/13 715; <http://216.138.240.229/rc4> (je la 15a horo UTC), <http://roi.orf.at/esperanto/es_demand.html> (laŭ mendo tra la servilo de Austria Radio Internacia). *Pola Radio:* elsendoj:13:30/41,23/7 275; ripetoj: 18:00/42.07/7 130; 20:00 kaj 9:30 sekvan tagon (nur per satelito). La satelita ricevo eblas per: Eutelsat II F – 6 – Hot Bird – 13 gradoj de la orienta latitudo; frekvenco 11,474 GHz, polarizado horizontala (H); subportanto 7,38 MHz. <http://www.wrn.org/ondemand/poland.html>, <http://www.radio.com.pl/polonia/esperanto_eo.asp>, <http://start.at/retradio>

# La nekonata Usono

© HABITAT FOR HUMANITY, HABITAT WORLD

*Joel* AMIS*, Usono*

**La “plej riĉa lando en la mondo” kaj la “sola restanta superpotenco” – jen kiel homoj tra la mondo kutime karakterizas Usonon... kaj efektive tiel volas kredigi al si multaj usonanoj. Sed Uragano Katrina forŝiris la maskon kaj malkaŝis al la mondo, kaj ankaŭ al la “komfortaj” klasoj en Usono, la enorman malriĉecon, kiu ankoraŭ ekzistas – kaj eĉ kreskas – en la “plej riĉa lando en la mondo”.**

Nun, kiam la uragano mem estas antaŭlonge pasinta, ŝtormo de kritikoj kaj fingromontrado skuas Vaŝingtonon. Demokratoj akuzas Prezidenton BUSH kaj la administracion pri troaj emfazo kaj elspezoj por la milito en Irako* kaj neglekto de enlandaj problemoj kiel malriĉeco kaj kaduka vorkaro**. La administracio kaj respublikanoj kulpigas la ŝtatajn kaj lokajn funkciulojn. Sed finfine, neniu unuopa politikisto aŭ funkciulo, neniu specifa politika partio aŭ registara departemento kulpas pri la tragedio en Nov-Orleano – kulpas publika indiferenteco. Nun la usona publiko tre klare vidas la fruktojn de jardekoj – eĉ jarcento! – da indiferenteco kaj neglekto de malriĉuloj. Ŝokitaj, kortuŝitaj homoj nun donacas monon kaj manĝaĵojn al la Ruĝa Kruco kaj volontulas helpi viktimojn diversmaniere – kaj dume krias al la registaro, ke ĝi “ion faru”. Kompreneble tia elverŝado de amo kaj kompato (eĉ kun respondaj agoj) estas tre inspira kaj esperiga. Sed tamen la solvo de la problemoj malkaŝitaj de Katrina estas neniel tiel facila. Pro tio ke la radikoj de malriĉeco en Usono estas tre profundaj kaj forte implikiĝintaj en la historio kaj kulturo, la solvo devas esti vera strategio, kiu estu ampleksa kaj longdaŭra.

Malriĉeco certagrade similas ĉie en la mondo. Malklereco, manko de ebloj, rapida loĝantarkresko, ekonomia stagnado estas konataj kaŭzoj aŭ intensigantoj de malriĉeco ĉie en la mondo – kaj ĉi tiuj faktoroj certe ludas sian rolon ankaŭ en Usono. Sed tiuj ĉi faktoroj per si mem ne povas klarigi la geografie kaj rase treege malegalan distribuon de malriĉeco en Usono.



INTERRETO

## De sklaveco al servuteco

Kvankam, kompreneble, malriĉeco ekzistas ĉie en Usono, la Sudoriento*** estas, kiel tuto, tradicie la plej malriĉa regiono de Usono. (Se konsideri Apalaĉion aparte, ĝi estas la plej malriĉa regiono, sed ofte oni enkalkulas grandan parton de Apalaĉio kun la Sudo.) Kaj kiu rasgrupo estas proporcie plej malriĉa? – Nigruloj (kvankam kvante la granda plejmulto de usonaj malriĉuloj estas blankuloj, proporcie nur ok procentoj de usonaj blankuloj estas malriĉaj – kompare al 25 procentoj de usonaj nigruloj). Ĉi tiuj du faktoj estas tamen historie intime interligitaj.

Antaŭ la Interna Milito, preskaŭ 100 procentoj de nigruloj en Usono – krom treege malmultaj liberaj nigruloj en nordaj ŝtatoj – vivis sub la jugo de sklaveco en sklavŝtatoj: ŝtatoj, ĉefe sudaj, kie sklavismo estis permesata. La Sudo tiutempe estis relative prospera (tamen neniam vere riĉa se konsideri la averaĝon) regiono dank’ al grandskala, sklavisme bazita, agrikulturo: ĉefe kotono, tabako, rizo, sukero. Tiam okazis la Interna Milito. La magra industrio de la Konfederaciaj Ŝtatoj (la sklavŝtatoj, kiuj secesiis de Usono) estis neniigita, eksportoj kaj importoj haltigitaj, bienoj detruitaj kaj la fervojo severe damaĝita. Sklavismo estis nuligita, kaj la ekonomio dependa je ĝi kolapsis.

Kompreneble, la fino de sklavismo estis bonega afero – kaj ĉiuokaze sklavismo estis destinita al kolapso, ĉu kun aŭ sen la milito. Sed la trakto de la liberigitaj sklavoj fare de la federacia registaro post la milito starigis la kondiĉojn por generacioj de malriĉeco. La problemo pri la simpla liberigo de sklavoj estis tio, ke ĝi donis al ili nur *juran* liberecon. La liberigitaj sklavoj havis neniom da mono, nek ilojn, nek teron, nek bazan klerecon. Kion ili povintus fari per sia “libereco”? Iuj radikalaj respublikanoj en la Kongreso komprenis, ke pli drastaj reformoj necesis kaj proponis programon por doni “40 akreojn kaj mulon” al ĉiu eks-sklava viro (t.e. disdividi la bienojn de la eksaj sklav-posedantoj kaj redistribui ilin). Tamen la kapitalismaj nocioj pri privataj posedaĵoj de pli moderaj respublikanaj kongresanoj finfine malebligis ke tiu reformo okazu – la posedantoj de grandbienoj konservis siajn terenojn.

Do, unuflanke estis eks-sklavoj sen laboro, klereco kaj rimedoj, kaj aliflanke estis bienposedantoj sen mono (ĉar la konfederacia valuto kolapsis) kaj sen laborantoj. Iuj fortaj, aventuremaj junaj eks-sklavoj ja sukcesis migri norden kaj trovi laboron – sed la plejmulto de eks-sklavoj ne povis (senmone!) vojaĝi la longan distancon por migri norden. Sekve, multaj eks-sklavoj fariĝis farmistoj – t.e. bienposedanto disponigis al ili terpecojn por kultivi, kaj ili interŝanĝe devis doni procentaĵon de la rikolto al la bienposedanto. Tamen tiu farmsistemo pli kaj pli fariĝis praktike iaspeca servuteco. Ofte farmistoj devis pruntepreni manĝaĵojn kaj aliajn vivnecesaĵojn de la bienposedanto en malabundaj tempoj. Ŝuldoj amasiĝadis, kaj la ekonomia libereco de farmistoj forvaporiĝis. Ĉi tiu sistemo kune kun la tiamaj segregaciaj leĝoj kaj kulturo signifis, ke la ekonomia progreso de nigruloj estis nula – aŭ eĉ negativa.

## Rasismo kaj manipulado

La ruiniĝo de ekonomiaj strukturoj en la Sudo tamen tuŝis ne nur nigrulojn, sed ankaŭ malriĉajn blankulojn (malsimile al popularaj stereotipoj, la plejmulto de blankuloj en la Sudo ne posedis sklavojn). Industrio disvolviĝis en la Sudo malrapidege, kaj agrikulturo stagnis. Malriĉeco inter sudaj blankuloj intensigis rasismajn sentojn – kaj politikistoj uzis tiun rasismon por manipuli (t.e. malriĉaj blankuloj povis esti kontentaj pri tio ke “kvankam mi estas malriĉa, mi almenaŭ estas pli bona ol nigrulo”) kaj subpremi politikan progreson (pro tio ke rasismo dividis blankulajn kaj nigrulajn malriĉulojn, ili ne povis unuiĝi por elekti progresemajn politikistojn). Sekve, socia kaj ekonomia progreso en la Sudo stagnadis, dum la cetero de la lando evoluis.

La Granda Depresio de la 1930-aj jaroj trafis la Sudon eĉ pli akre ol la ceteron de Usono. Finfine la ekonomia situacio por sudaj nigruloj fariĝis neeltenebla, instigante multajn migri norden, ĉefe por labori en la industriaj




*"I owe my soul to the company store..."* – Mi ŝuldas mian animon al la kompani-vendejo




Malgraŭ tio, ke la federacia registaro abolis sklavecon, ĝi havis neniun planon integri nigrulojn en la socion, tiel kreante la kondiĉojn por segregacio kaj generacioj de malriĉeco

centroj Ĉikago, Detrojto, Vaŝingtono, Filadelfio kaj Novjorko. Sed ne ĉiuj sudaj nigruloj povis aŭ volis migri tiel malproksimen – do okazis eta migrado ene de la regiono: nigruloj el kamparaj lokoj (kie ĝis tiam vivis la plejmulto) amase migris en grandajn sudajn urbojn, kiel Atlanto kaj Nov-Orleano, por serĉi laboron. Kompreneble, la vivo en la urbo estis iom pli bona ol en la kamparo, sed nur laŭ gradoj – malriĉeco tamen restis. Inercio, malespero kaj "kulturo de malriĉeco" sukcesis ripetigadi la ciklon de malriĉeco ĝis nun – kaj nur malmultaj sukcesas eskapi el ĝi.

## Kampara malriĉeco kaj "kompania sklaveco"

Urba malriĉeco estas tamen nur unu flanko de la monero. Kampara malriĉeco estas ankaŭ grandega problemo, kiu trafas kaj nigrulojn kaj blankulojn. En kamparaj lokoj en la Profunda Sudo loĝas malriĉaj nigruloj, kies prapatroj ne elmigris norden aŭ urben. En Apalaĉio, tamen, koncentriĝas blankula malriĉeco. Pri apalaĉia malriĉeco ne kulpas specifa evento, kiel la Interna Milito, sed ĉefe geografio kune kun socia inercio. Apalaĉio neniam taŭgis por profita agrikulturo – la samaj montoj, kiuj konsistigas la belan pejzaĝon, ankaŭ prezentas malidealajn lokojn por grandskala agrikulturo.

La malkovro de karbo fine de la 19-a jarcento en la Apalaĉa Montaro aperis komence kiel bela espero por malriĉa Apalaĉio. Viroj povis trovi stabilan laboron kiel karboministoj en minejoj de grandaj karbokompanioj. Sed pro malmoralaj praktikoj de la grandaj karbokompanioj, tiu "beno" fariĝis kruela formo de ekspluatado: laboristoj ricevis malaltajn salajrojn por tre danĝera, riska laboro – kaj minejaj terfaloj kreis multajn vidvinojn, kiuj devis poste elturniĝi sen pensio aŭ ajna kompenso. Tre ofte ankaŭ infanoj devis labori kune kun plenkreskuloj por vivteni la familion... La laboristaj rajtoj ankoraŭ ne estis disvolviĝintaj tiutempe, kaj oni (foje eĉ perforte, ofte manipulante per rasismo kaj etnaj antaŭjuĝoj) "malinstigis" la laboristojn unuiĝi en sindikatojn. Nemalofte okazis sangaj bataloj inter laboristoj kaj posedantoj aŭ administrantoj.

Krome, la kompania sistemo, laŭ kiu laboristoj devis loĝi en kompania urbeto kaj aĉeti ĉion de kompania vendejo per kompaniaj kuponoj, kreis iaspecan "sklavecon". Malfrue en la 20-a jarcento granda parto de la minejoj fermiĝis, lasante post si difektitan naturmedion, malsanojn (pro karbopolvo) kaj senlaborecon. Kompreneble, malklereco, adoleska naskado, alkoholismo kaj aliaj sociproblemoj fontantaj el malriĉeco intensigas la ekonomiajn problemojn de Apalaĉio kaj malhelpas disvolviĝon.

Bedaŭrinde, mankas spaco por trakti ĉiujn specojn de malriĉeco en Usono. Malriĉeco daŭre plagas indianojn loĝantajn en indianrezervejoj – kie, simile al malriĉaj urbaj kvartaloj kaj Apalaĉio, alkoholismo, malklereco kaj aliaj sociproblemoj intensigas la problemojn de senlaboreco kaj malaltaj salajroj. Vi ankaŭ ŝajne rimarkis, ke mi ne tuŝis la problemon de malriĉeco inter enmigrintoj. Kvankam, post nigruloj, la plej alta procentaĵo de malriĉeco en Usono estas inter hispanidoj, tendencoj indikas, ke tio malpli fortiĝos en venontaj jaroj. La samo validas pri alispecaj enmigrintoj tra usona historio – kvankam malriĉaj komence, post kelkaj generacioj la posteuloj de enmigrintoj eskapas el malriĉeco. Aparta atento estis donita al malriĉeco inter nigruloj ĝuste pro tio, ke la situacio tiel helikmalrapide pliboniĝas (aŭ, laŭ iuj indikoj, eĉ malpliboniĝas dum la BUSH-a regado) kaj ŝajne ne pliboniĝos sen speciala strategio.

La lastatempa ekzorgo pri malriĉuloj trafitaj de Uragano Katrina povus esti granda turnpunkto en la usona menso kaj konscienco. Ni esperu, ke ĉi tiu katastrofo sufiĉe skuegis la usonajn registaron kaj popolon tiel ke finfine efektiviĝu radikalaj strukturaj ŝanĝoj en la usonaj registaro, ekonomio kaj koro.

* la kosto de la militoj en Afganio kaj Irako estas, laŭ la kalkuloj de specialistoj, ĉ. 400-500 miliardoj da USD.

** vorko – grava publika konstruaĵo (aŭtovojo, ponto, tunelo, digo k.s.)

*** la terminoj "Sudo" kaj "Nordo" estas pli kulturaj ol geografiaj. Ili estis difinitaj antaŭ la Interna Milito, kiam la Okcidento ankoraŭ ne estis setlita. Laŭ tiu difino, la plej okcidenta limo de la Sudo estis Teksaso, kaj la norda limo estis Virginio. Do, la termino "Sudo" fakte signifas "Sudoriento" (Konfederacio), kaj "Nordo" – "Nordoriento" (Federacio).

# Malfacilaj nombroj

Pli ol 37 milionoj da usonanoj vivas en malriĉeco. Individuoj post 65 jaroj ricevas malpli ol 9,800 USD jare kaj estas konsiderataj malriĉaj, ja la vivkosto en la lando estas tre alta. Malgraŭ la reputacio de la plej riĉa lando en la mondo, laŭ multaj kriterioj Usono estas multe malantaŭ aliaj disvolviĝintaj landoj. Tio inkluzivas antaŭnaskan helpon kaj diferencon inter enspezoj de riĉuloj kaj malriĉuloj.

**Nombro de malriĉuloj, 2002-2004**




### Infaneco en Usono

- **1 el 5** infanoj estas naskita en malriĉa familio
- **1 el 9** infanoj estas naskita de adoleska patrino
- **1 el 146** infanoj mortos antaŭ sia unua naskiĝtago
- **1 el 7** infanoj neniam finos lernejon
- **1 el 23** infanoj estos arestita antaŭ la aĝo 17

LAŬ LA INFAN-DEFENDA FONDUSO KAJ NEWSWEEK

**Homoj sen sanasekuro, averaĝo en 2003-2004**




**Procentaĵo de malriĉuloj, averaĝo en 2002-2004**




**Procentaĵo de la landa enspezo, ricevata de la plej malriĉaj 10%**




**Mortkvanto de beboj (por ĉiuj 1000 naskoj)**



# Vizaĝo de malriĉeco

GBEGLO Koffi, Togolando

**akrido** – saltanta insekto, kiu detruas plantojn
**agrikulturo** – kreskigado de plantoj kaj tenado de bestoj por viando, lakto k.s.
**primitiva** – plej facila
**rikolto** – kolekto de greno
**tuno** – 1000 kilogramoj
**fonduso** – mon-kolekta organizaĵo
**aidoso** – mortiga malsano
**drogo** – dependiga aĵo, kiu iel efikas mensan funkciadon; **drog-trafiko** – kontraŭleĝa transportado de drogoj
**ekspluati** – uzi iun kun profito al si
**kano** – ligneca planto; suker-kano – kano, el kiu oni faras sukeron
**kelnero** – servisto en manĝejo
**minejo** – fosejo en la tero, de kie oni prenas necesajn aĵojn (ekz., karbon)




## La manĝaĵ-krizo

Agrikulturo **estas la ĉefa laboro de la loĝantoj en Sahelo*. Oni praktikas ĝin per primitivaj iloj kaj teknikoj, kaj plie ĝi ege dependas de la pluv-sezono.**

En 2004, ekzemple, la pluvoj estis ege maloftaj, kaj krome la **akridoj** formanĝis jam sen tio la malmultan **rikolton**. Jen kial al la loĝantoj de tiu regiono mankas manĝaĵoj... Feliĉe, plejparto de la landoj konservis agrikulturaĵojn, kaj tio helpetis al la homoj ĉe la sezon-ŝanĝiĝo.

En Niĝerlando la kvanto de la konservitaj manĝaĵoj estis tiom malgranda, ke multajn regionojn de la lando trafis malsatego. La registaro devis peti ke aliaj landoj helpu. Venis respondoj, kaj tiel **tunoj** da manĝaĵoj estis senditaj al la lando. Alvenis ankaŭ kuraciloj kaj mon-donacoj. Aldone al tio, la registaro kreis specialan **fonduson**, al kiu firmaoj, societoj kaj bonvolaj homoj alportas siajn donacojn. Estis kreitaj organizoj kun la tasko transporti kaj disdividi la manĝaĵojn en la plej trafitaj regionoj. Tiuj helpoj atingas la popolon ĝuste ĉe la pluvsezono, kiam la manko de manĝaĵoj estas la plej akra.

Nun la registaroj dungas homojn, kiuj estas instruataj batali kontraŭ la akridoj. Plie, multaj insekt-mortigiloj estas donataj al la popolo por malhelpi plimultiĝon de la akridoj kaj tiel doni al la homoj esperon pri pli bona rikolto.

* Sahelo, *Sahel* (de la araba *sahil* – bordo) – zono de Afriko, inter Saharo kaj pli fekunda regiono en la sudo. Sahelo parte inkluzivas Senegalon, Maŭritanion, Malion, Burkinon, Niĝerlandon, Niĝerion, Ĉadion, Sudanon, Etiopion, Eritreon, Ĝibution kaj Somalion – vikipedio. (Noto: tiu ĉi vorto ne troviĝas en N.PIV.)

## Ekspluatado de infanoj

**Multaj infanoj devis morti en** minejoj, **sur kampoj, en militoj... Multaj estas trafitaj de** aidoso **kaj pluraj aliaj havas mensajn problemojn**.

Multaj landoj jam akceptis leĝojn pri la batalo kontraŭ infan-laboro kaj **ekspluatado** kaj ankaŭ por protekti infanojn. Tamen, tio daŭras en kelkaj regionoj de Azio, Afriko, Latin-Ameriko kaj eĉ en Eŭropo. La plimulto de tiuj infanoj laboras en malbonaj kondiĉoj. En la urboj iuj estas servistoj aŭ **kelneroj**, kaj ili ricevas tre malbonajn pagojn; aliaj infanoj laboras en minejoj, tre danĝeraj por iliaj vivoj.

Infanoj laboras ankaŭ en plantejoj, ekzemple, en afrikaj kaf-kampoj, suker-**kan**-kampoj en Latin-Ameriko aŭ riz-kampoj en Azio. Infanoj ankoraŭ nun estas uzataj en **drog-trafiko** en Usono, kaj aliaj estas sekse ekspluatataj en Eŭropo. Ne mankas infanoj sur batal-kampoj. Multaj infanoj fariĝis soldatoj en diversaj militoj, kiuj regas en la mondo kaj aparte en Afriko. Politikaj kaj ekonomiaj problemoj ktp. kaŭzas tiujn situaciojn, kiuj nebuligas la estontecon de la ontaj plen-kreskuloj.

Multaj organizaĵoj kontraŭ-staras ĉion ĉi, sed necesas fari pli, ĉar tiuj, kiuj praktikas infan-ekspluatadon estas pli multaj, ol tiuj, kiuj kontraŭ-staras ĝin. Kaj suferas pro tio kompatindaj infanoj...




Multaj afrikaj familioj loĝas en malstabilaj kot-brikaj domoj, kiel ĉi tiu infano el Angolo

## Malriĉeco en la mondo...

Preskaŭ duono de la afrika loĝantaro vivas per **malpli ol 1 USD tage**, kaj la kvanto de tiaj homoj grandiĝas.

Malriĉeco en Afriko estas **plejparte kampara**. 70% de la kampara loĝantaro en okcidenta kaj centra Afriko estas malriĉaj. En suda kaj orienta Afriko 145 milionoj da homoj loĝas en malriĉeco, t.e. ĉ. 75% de la kampara loĝantaro.

En subsahara Afriko loĝas 60% de la monda kvanto de **aidos-malsanuloj aŭ HIV-infektitoj**. Laŭ prognozoj, ĉ. la jaro 2015 inter kvin kaj dek milionoj da homoj mortos pro tiu malsano ĉiujare.

Du trionoj de la malriĉuloj en la mondo loĝas en **Azio**.

En Sud-Azio 31% de la loĝantaro vivas per 1 USD tage (en 1990 tiu kvanto estis 41%). En **Orient-Azio kaj Pacifiko** 16% de la loĝantaro vivas per 1 USD tage (en 1990 tiu kvanto estis 30%).

En ĉiuj landoj ene de Azio kaj la pacifika regiono (krom Mongolio) malriĉeco estas koncentrita en **kamparaj regionoj**.

En Latin-Ameriko kaj Karibio la enspez-distribuo estas **la plej malegala** en la mondo. La plej riĉaj 10% enspezas 48% de la tuta enspezo. La plej malriĉaj 10% enspezas 1,6% de la tuta enspezo.

## kaj en Usono

El la 200 kantonoj de Usono kun **la plej granda malriĉeco** 189 estas kamparaj. 30%, t.e. 6,2 milionoj da usonanoj en la kamparaj regionoj spertas domajn problemojn.

La elspezoj de la usona registaro por dom-konstruado **malgrandiĝas.** Tri kvaronoj el tiuj, kiuj bezonas helpon pri domkonstruado, ne ricevas ajnan helpon de la ŝtato.

En Usono ĉ. 13% de la loĝantaro vivas sub la malriĉeclimo de $19,157 por kvarhoma familio. Ĉ. 7,6 milionoj da familioj kaj 35,9 milionoj da homoj vivas **en malriĉeco.** Ekde 2000, la nombro de la malriĉuloj grandiĝis je 4,3 milionoj.

95 milionoj da homoj – ĉ. triono de la loĝantaro en Usono – spertas **domajn problemojn.**

*Tiujn ĉi informojn afable disponigis* Habitat World, *la revuo de* Habitat for Humanity. *Tiu ĉi organizo faras la studon nomatan Media Skan-Raporto, kiu enhavas superrigardon pri demografiaj, ekonomiaj kaj sociaj tendencoj kaj esploras mondan evoluon kun la celo havigi domojn al pli da homoj. La supraj statistikoj estas prenitaj de la raporto por 2005. Pli detale pri* Habitat for Humanity *legu sur p. 8-9.*

Trad. el la angla Ĵenja AMIS.

# Kiam via lando

KOMPLEZE DE O.G.

Olga GRIBOVAN ĉe la SUVOROV-monumento en Tiraspolo

**Se vi serĉos ĝin sur la mapo, povas esti, ke vi ne trovos ĝin. Ĉednestrio* ne estas granda: ĉ. 200 km longa kaj nur 12-15 km larĝa, ĝi troviĝas en Orienta Eŭropo, inter Moldavio kaj Ukrainio, kaj havas iom malpli ol duonmilionon da loĝantoj. Tamen, vi certe aŭdis pri ĝi – aparte en la komenco de la 1990-aj jaroj, kiam la enlanda milito prenis pli ol 1,5 milojn da homaj vivoj. Geopolitikaj ŝanĝoj neniam okazas sendolore, kaj la ĉednestrianoj eĉ post fino de la milito vivas en la necerteco: ili ja loĝas en nerekonita respubliko: ŝtato, kiu oficiale *ne ekzistas*… Por ekscii pli pri tiu ĉi regiono kaj raporti pri tio al niaj legantoj, *KONTAKTO* turnis sin al Olga GRIBOVAN – esperantistino, kiu naskiĝis en Ĉednestrio, studis en Ukrainio (Odeso) kaj laboris en Germanio. Nun Olga laboras kiel korespondanto-tradukisto por la ĉednestria oficejo *BBC Monitoring* – ŝi ĉiutage tradukas la novaĵojn el la nerekonita republiko.**

***– Eble tiu ĉi demando sonos tro ĝenerala, sed – kia estas la vivo en la nerekonita respubliko? Kion signifas "loĝi en la nerekonita respubliko" por la ordinaraj homoj – kiuj estas la problemoj, kiujn oni devas alfronti pro la stranga statuso de la lando?***

– Tiun ĉi demandon oni ofte starigas en nia regiono, ĉar vere la situacio ĉi tie estas iom neordinara. La vivo fluas en ĝia ordo, homoj laboras, enamiĝas, naskas bebojn, sed samtempe ili ne certas pri la sekva tago – ĉu ĝi alportos pacon aŭ novan konflikton kun Moldavio. Homoj forlasas la regionon por trovi pli sekuran lokon por siaj infanoj aŭ veturas al okcident-eŭropaj landoj por labori. Malgraŭ ĉiuj deklaroj de la prezidento Igor SMIRNOV, ke nia ekonomio kreskas, averaĝa monata salajro restas ĉ. 80 usonaj dolaroj, dum la povrec-limo estas 96 dolaroj. Homoj ĉiam serĉas vojojn por travivi la hodiaŭan tagon. Sed poste venas sekva tago kaj ili pensas: "Kion ni faru morgaŭ? Kiom longe tio daŭros? Ni ne scias, kiun pasporton ni havu: ĉu moldavian (bone se ni reunuiĝos kun Moldavio), ĉu ukrainian (Ĉednestrio ja iam estis parto de Ukrainio) aŭ ĉu rusian?" Multaj el ni ankoraŭ posedas sovetuniajn pasportojn kaj rajtas akiri rusian pasporton laŭ ĝi. Pro la necerteco homoj havas po du aŭ eĉ tri pasportojn. Pro la nerekonita statuso de la regiono entreprenistoj devas eltrovi kromvojojn por vendi siajn varojn eksterlanden. Multaj aliaj problemoj ekzistas, sed mi ne plu parolos pri tio.

**"Pro la necerteco homoj havas po du aŭ eĉ tri pasportojn"**

***– Ĉu estas informoj, kiom da ĉednestrianoj loĝas en Rusio, Ukrainio aŭ Moldavio?***

– Laŭ la lasta statistik-esploro, en nia regiono nun loĝas nur 555,5 mil homoj. Komparu tion al la statistiko de 1989, kiam en Ĉednestrio loĝis ĉirkaŭ 700 mil homoj. Vidu mem...

***– Mi legis, ke kvankam la plejparto de la industrio en Moldavio troviĝas ĝuste en Ĉednestrio, la vivnivelo en Ĉednestrio estas malpli alta ol en Moldavio. Ĉu tio veras?***

– Mi kredas, ke tio veras, kaj pensas ke tio estas ĝuste pro la speciala statuso de la regiono kaj ankaŭ pro tiuj obstakloj, kiujn starigas Moldavio al ĉednestriaj fabrikoj kaj aliaj produktantoj. Sed la ĉefa kialo kaŝas sin en la "gvidantoj" de la respubliko. Estas kelkaj oficialuloj kaj sekretaj agentoj, kiuj tenas la fadenojn de la ĉednestria ekonomio en siaj manoj kaj manipulas ĝin laŭ siaj interesoj. La prezidento Igor SMIRNOV iam promesis, ke li faros el nia respubliko "malgrandan Svislandon", kaj mi volas diri nun, ke nur la prezoj ĉi tie estas kiel en Svislando *(ridetas)*. Vere, oni ŝparas multe se oni veturas al Odeso (Ukrainio) aŭ Kiŝinevo (Moldavio) por butikumi, ĉar la lokaj prezoj estas vere neimageblaj. Ĉu normala homo povas aĉeti bonkvalitan vestaĵon, se ĝi kostas preskaŭ duoble pli ol en Moldavio?

***– Se mi bone komprenas, oficiale loĝantoj de Ĉednestrio estas civitanoj de Moldavio, ĉu ne? Ĉu ekzistas iaspecaj ĉednestriaj pasportoj, aŭ ĉu oni devas fariĝi civitano de Moldavio por vojaĝi eksterlanden? Ĉu vojaĝado eksterlanden (kaj ĝenerale) prezentas grandajn problemojn?***



KOMPLEZE DE O.G.

**Fakte**

Ĉednestria Moldava Respubliko (Ĉednestrio) estas nerekonita ŝtato sur la oficiala teritorio de Moldavio, plejparto de ĝiaj loĝantoj estas rusoj kaj ukrainoj, kvankam ankaŭ moldavoj konsistigas grandan elcentaĵon – 43%. Je la internacia nivelo oni konsideras Ĉednestrion parto de Moldavio.

Ĉefurbo – Tiraspolo.

Prezidento – Igor SMIRNOV.

Konflikto inter Moldavio kaj Ĉednestrio daŭras ekde 1990, kiam la lokaj registaroj de Tiraspolo kaj kelkaj aliaj urboj, antaŭ la fino de la disfalo de Sovetunio, deklaris pri foriro el Moldavio kaze ke Moldavio sendependiĝos de Sovetunio, ĉar iuj politikaj fortoj en Moldavio volis ke ĝi fariĝu parto de Rumanio. En 1992 tiu ĉi konflikto prenis formon de milit-konflikto kaj kreis multajn viktimojn ambaŭflanke. Pro la enmiksiĝo de Rusio oni sukcesis haltigi la militkonflikton.

Historie Ĉednestrio estis parto de la princlando Moldavio; ekde 1504 ĝi estis regata de la Otomana Imperio kaj en 1792 ĝi fariĝis parto de la Rusia Imperio, kiu neniam poste apartenis al Rumanio (la sola escepto estas urbo Benderi, kiu en 1918-1940 estis parto de Rumanio). Ekde 1917 Ĉednestrio estis parto de Ukrainio, kiu en 1922, kune kun la tuta Ukrainio, eniris Sovetunion. En 1924 oni nomis ĝin "Moldava Aŭtonoma Soveta Socialisma Respubliko" (formale ĝi estis parto de la Ukraina SSR); oficialaj lingvoj estis la rusa, ukraina kaj la moldava.

Laŭ la sovet-germana pakto de Molotov-Ribbentrop, la orienta parto de Rumanio apartenis al la influsfero de Sovetunio, kaj en 1940 Sovetunio postulis ke Rumanio fordonu sian orientan parton al Sovetunio, kiu poste fariĝis (kune kun Ĉednestrio) Moldava Soveta Respubliko, kun ĉefurbo Kiŝinevo. En 1941, post kiam Germanio kaj ĝiaj aksanoj (inkluzive Rumanion) atakis Sovetunion, Rumanio ne nur

# ne ekzistas...



**“La prezidento iam promesis, ke li faros el nia redpubliko “malgrandan Svislandon”, kaj mi volas diri nun, ke nur la prezoj ĉi tie estas kiel en Svislando”**

– Jes, ni havas ĉednestriajn pasportojn kiuj validas *nur* en nia regiono, kaj ankaŭ “internajn” moldaviajn pasportojn. Por vojaĝi eksterlanden ni bezonas “eksteran” pasporton – ĉu moldavian, ukrainian, rusian aŭ ian alian. Se vi havas iun el tiuj pasportoj, vojaĝi ne estas problemo. Mi jam vizitis multajn landojn havante moldavian pasporton. Certe, en la enlanda moldavia pasporto mi havas ĉednestrian registriĝon – t.e. indikon, ke mi loĝas en Ĉednestrio – por ne pagi impostojn, kiel ĉiuj eksterlandanoj, inkluzive moldavanojn.

***– Kiel funkcias la monsistemo en la nerekonita respubliko – oni ŝajne ne akceptas la lokan monon aliloke, ĉu ne? Ĉu oni akceptas ankaŭ aliajn valutojn en la vendejoj ktp.?***

– Ni havas nian ĉednestrian rublon faritan laŭ ekzemplo de sovetiaj rubloj. Kaj ĝis nun sur ili restas signoj de la komunista epoko. Nur la busoj vojaĝantaj tra la regiono fojfoje akceptas nian monon kaj nur se oni vojaĝas de Ĉednestrio en Ukrainion aŭ Moldavion. En ĉelimaj urboj oni akceptas ambaŭ valutojn, fojfoje eĉ en vendejoj. En ĉednestriaj bazaroj oni preferas uzi usonajn dolarojn *(ridetas)*.

***– Kiujn lingvojn oni parolas en Ĉednestrio? Kiujn lingvojn oni instruas en la lernejoj? Kiun alfabeton oni uzas por la moldava lingvo?***

– Antaŭnelonge en loka gazeto aperis interesa artikolo pri la lingva politiko de Rumanio kiel ilo por manipuli homojn en Moldavio kaj Ĉednestrio. Tamen ĝenerale oni parolas la rusan kaj la moldavan. Ekzistas rusaj, moldavaj kaj ukrainaj lernejoj, ĉar tiuj estas la tri oficialaj lingvoj de Ĉednestrio. La moldava lingvo ĉi tie konservas sian historian skribmanieron – la cirilan.

***– Ĉu antaŭ Sovetunio oni uzis la cirilan alfabeton por la moldava lingvo?***

– Antaŭuloj de moldavoj – valaĥoj – akceptis la cirilan alfabeton kune kun Kristanismo kaj diservoj en la malnov-slava lingvo. Meze de la 19-a jarcento moldavoj-valaĥoj, por substreki la romian originon de la nacio, ŝanĝis la cirilan alfabeton al la latina. La vorto “Romania” – Rumanio – aperis unue en 1859. En 1862 (en la sama jaro, kiam Rumanio jam estis ŝtato) oni malpermesis diservojn en la slava lingvo.

***– Kiel statas la aferoj pri la homaj rajtoj en Ĉednestrio – mi antaŭnelonge legis, ke oni fermis kelkajn rumanajn lernejojn, kio kaŭzis la konflikton?***

– La fermo de la lernejoj estis nur la lasta paŝo por devigi ilin registriĝi ĉe la nerekonita registaro de Ĉednestrio. Vere, absurda situacio. Laŭ la leĝoj, iu ajn lernejo povas funkcii en la regiono nur kondiĉe ke ĝi uzos edukadsistemon kaj programon de la Rusia Federacio. Nun tiuj ĉi lernejoj funkcias, post ilia registriĝo.

***– Kion preferus la ĉednestrianoj: 1) fariĝi sendependa lando; 2) aliĝi al Rusio; 3) aliĝi al Ukrainio?***

– Mi ne konas la veran situacion, sed, laŭ la lasta demandaro, la plejmulto vidas Rusion kiel garantianton de stabileco kaj estonteco en Ĉednestrio. Tamen la plej reala solvo, laŭ mi, estas aliĝi al Ukrainio, ni ja iam apartenis al ĝi.

***– Kaj kia estas via pozicio rilate al la konflikto? Kiel eblas solvi ĝin?***

– Se esti sincera, mi mem ne scias kio estus bona por ni. Mi nur volas ke la vivo pliboniĝu kaj ke homoj ricevu almenaŭ iujn ajn garantiojn, ke la milito morgaŭ ne forprenos iliajn amatojn kaj ili ne devos forlasi karan domon...

* La vorto kaj nocio “Ĉednestrio” ne troviĝas en PIV. En la rumana kaj iuj aliaj lingvoj ĝi nomiĝas “Transdnistria”.

rehavigis al si la teritoriojn, kiujn pli frue akaparis Hungario kaj Sovetunio, sed ankoraŭ prenis kelkajn aliajn ukrainajn urbojn. En 1944 la limoj revenis al sia antaŭmilita stato.

Dum la sovetiaj tempoj, multaj rumandevenaj ĉednestrianoj estis elpelitaj en Siberion kaj Kazaĥstanon; samtempe multaj rusoj kaj ukrainoj venis por konstrui industriajn entreprenojn. La plejmulto de la industrio en Moldava SSR estis ĝuste en Ĉednestrio (la cetero de Moldavio estis plejparte agrikultura), kiu donis 40% de la malneta enlanda produkto kaj 90% de elektro.

Ĝis 1991 Ĉednestrio estis simpla parto de Moldava SSR, sed post la disfalo de Sovetunio pli kaj pli aŭdiĝis postuloj de ĉednestrianoj pri aŭtonomio. Apartan maltrankvilon de ĉednestrianoj kaŭzis planoj de kelkaj politikaj fortoj pri aligo de Moldavio al Rumanio. Eĉ referendumo (en 1993), en kiu pli ol 90% de moldavoj voĉdonis por sendependeco, ne igis ĉednestrianojn obei al la centra registaro. Ne ŝanĝis la situacion ankaŭ promesoj doni aŭtonomion al Ĉednestrio. Do, ekde 1991 Ĉednestrio fakte estas sendependa ŝtato; malgraŭ alvokoj en Rusio kaj Ukrainio rekoni la respublikon, la registaroj de tiuj landoj ne rekonis ĝin, ĉar tiu paŝo povus gvidi al perdo de politika influo en Moldavio kaj al unuiĝo de Moldavio kaj Rumanio.

Dum la lastaj jaroj oni multfoje provis interpacigi Kiŝinevon kaj Tiraspolon. Oni preskaŭ sukcesis tion fari en 2003, surbaze de detala plano preparita de rusa politikisto Dmitriy Kozak, laŭ kiu Ĉednestrio ricevus apartan statuson kun la rajto vetoi leĝojn, sed lastmomente prezidento de Moldavio rifuzis subskribi ĝin, ĉar ĝi donus nur “unuflankajn avantaĝojn”. En julio 2005 la parlamento de Moldavio akceptis leĝon, laŭ kiu Ĉednestrio perdas sendependecon kaj eniras Moldavion kiel aŭtonoma regiono, kun komuna ekonomio, dogano, valuto ktp.
(laŭ Vikipedio)

# Donacante... Esperon

© HABITAT FOR HUMANITY, HABITAT WORLD

*Ĵenja Amis, Ukrainio/Usono*

**Nia Esperanto-Societo por Metropola Atlanto jam delonge planis organizi ekskurson al iu interesa loko. La komuna decido estis veturi al la Tutmonda Vilaĝo de *Habitat for Humanity* en Americus, kiu troviĝas nur tri horojn de Atlanto. Kvankam mi aŭdis pri *Habitat for Humanity*, mi havis neniun ideon, kio estas Tutmonda Vilaĝo!**

Americus estas urbeto en kampara suda Georgio. Dum la tempoj de la usona Interna Milito proksime al Americus estis malliberejo (nun tie estas muzeo), kaj nun la plej granda ĝia vizitindaĵo estas la Tutmonda Vilaĝo – eduka projekto de *Habitat for Humanity*. Laŭvorte, "Habitat for Humanity" signifas "Vivmedio por la Homaro". Ĝi estas internacia neregistara neprofitcela kaj bonfara organizo kun tre konkreta celo: forigi mizerdomojn ĉie en la mondo kaj provizi malriĉajn homojn per decaj loĝejoj. En aŭgusto 2005 ĝi havis sian grandan jubileon – oni konstruis la 200-milan domon ekde la fondiĝo de la organizo, en 1976. Tio signifas, ke nun pli ol *miliono* da homoj ĉie en la mondo havas propran domon dank' al tiu ĉi organizo! Kvankam *Habitat for Humanity* estas kristan-bazita organizo, ĝi helpas al homoj senrigarde al religio, raso, sekso, etno, deveno ktp. Tiu ĉi organizo estas plene ekumena – t.e. ĝi ne apartenas al iu ajn eklezio. Nun *Habitat* laboras en 100 landoj, inkluzive ĉiujn ŝtatojn kaj teritoriojn de Usono.

La Tutmonda Vilaĝo renkontis nin per bonvenig-skribaĵo en diversaj lingvoj. Ni aĉetis biletojn kontraŭ tute simbola prezo, kaj volontulino el Armenio donis al ĉiuj ni la "Tutmondvilaĝajn pasportojn" – bluetajn libretojn kun blankaj paĝoj. En la agrable klimatizita (ĉar suda Georgio estas neelteneble varmega en somermezo) granda oficejo, kiu nomiĝas "Malkovra Centro", estis ankaŭ vendejo kun memoraĵoj de la tuta mondo, eta kinejo, televidiloj, afiŝoj kun diversaj faktoj pri malriĉeco kaj grandegaj lumigitaj fotoj, montrantaj domaĉoj ĉie en la mondo.

## Kaj tie loĝas homoj?!

La unua parto de la ekskurso estas malriĉulaj domaĉoj. Estas aparte triste kompreni, ke ĉiuj tiuj malgrandaj, malpuraj, mizeraj domoj ne estas nur modeloj: ĉiuj ili estas kopioj de *veraj* domoj, kie loĝis homoj! Sur ĉiu domo estas foto de ĝia "originalo", kun la homoj, kiuj loĝis en ĝi, kaj indiko de la lando, de kie ĝi venas. La plejparto de tiaj domoj venas el Latin-Ameriko, Sud-Azio kaj Afriko. Por mi persone ĉio ĉi estis plena revelacio – malgraŭ tio, ke mi devenas de malriĉa lando, bonŝance nenie en ĝi troviĝas tiaj teruraj kondiĉoj. Tio fakte estas la unua fojo, kiam mi – ne per televido aŭ en gazetoj, sed propraokule – vidis mizerdomojn...

La plejparto de tiaj loĝejoj estas nur kelkajn kvadratmetrojn grandaj, ofte kun ĵurnalpapero anstataŭ murpapero; kun lignaj bretoj, unu super la alia, anstataŭ litoj aŭ simple kun matracoj sur planko... Ofte sur la planko kuŝas kelkaj magraj infanaj ludiloj, foje rompitaj. Ne pli bone aspektis ankaŭ preĝejo – mizera, nur kelkajn kvadratmetrojn granda, dividita en du partojn: unu por diservoj kaj la alia por societumado – t.e. malalta tableto kun kelkaj duonrompitaj seĝoj. "Tre ofte homoj enloĝiĝas en mizerdomojn pensante, ke tio estas por tre mallonga tempo. Plejparte ili venas de la kamparo, esperante baldaŭ trovi laboron en la urbo kaj elloĝiĝi el la domaĉo, sed nur tre malmultaj sukcesas pri tio. Preskaŭ ĉiuj restas en la mizerdomoj por ĉiam", – diras la informtabuleto. La malriĉec-domaĉoj de la Tutmonda Vilaĝo eĉ formas stratojn – kaj mi havis la senton, kvazaŭ mi troviĝus en tute reala loko.

## Tra la *Habitat*-mondo

Sed – jen la malriĉec-domaĉoj finiĝas, kaj komenciĝas la dua parto de la ekskurso! Ĝi estas nekompareble pli "hela" ol la unua, ĉar ĝi montras ekzemplojn de la domoj el diversaj mondopartoj, kiujn konstruas *Habitat*. La unua domo estas el Meksiko. Ĝi estas sufiĉe granda oranĝ-flava domo kun tegola tegmento, eta korto, du ĉambroj, kuirejo kaj ĉiuj aliaj necesaj ejoj. Mi rimarkas, ke en la domo estas multe pli malvarmete ol ekstere – verŝajne, pro la uzo de specialaj konstrumaterialoj. Troviĝas tie ankaŭ ligna lul-seĝo, kun la foto de ĝia iama posedantino – donaco el Meksiko. Sur la fenestrobreto staras stampilo kun supra skribaĵo: "Stampu vian pasporton ĉi tie". Nun klaras por kio ni havas pasportojn – por "vizoj"! Ĉiu el ni stampas sian ĝis nun "freŝan" pasporton, kaj en ĝi aperas la vorto "Meksiko".

Ni trairis kelkajn aliajn latinamerikajn landojn (sur ĉiu domo troviĝas indikilo, de kie ĝi venas, kiuj materialoj estis uzitaj kaj kiom ĝi kostis) kaj jen ni jam troviĝas en Afriko. Ni "traveturas" "Kenjon", "Zambion", "Ugandon", "Tanzanion", "DR Kongon" kaj kelkajn aliajn "landojn" – la afrikaj domoj ne estas grandaj, sed ili ja estas belaj, praktikaj kaj relative ne multekostaj – ĉ. 1-3 mil USD. Kaj jen ni jam staras ĉe la brik-farejo. Ĝi konsistas el malgranda brikfarilo, kiun povas funkciigi... unusola homo! *Habitat* uzas ne nur lokajn teknologiojn kaj stilojn por konstrui domojn – sed ankaŭ la plej malmultekostajn kaj taŭgajn lokajn materialojn. La brikoj estas farataj surloke, de nur kelkaj homoj. La brikoj de *Habitat*-domoj iom similas al la infanludilo *Lego* – ili estas interkroĉiĝantaj brikoj. Kvankam *Habitat* uzas ne nur brikojn por konstrui – ankaŭ ligno (ekzemple, en Usono) kaj aliaj lokaj materialoj estas uzataj.

Kiam ĉiuj paĝoj de niaj "pasportoj" estis plenaj je "vizoj", estis tempo reveni al la Malkovra Centro por ricevi la respondojn al ĉiuj restintaj demandoj. La filmoj pri *Habitat*, kiujn ni spektis en la kinejeto, klarigis ĉiujn aferojn.

© KIM MACDONALD HABITAT FOR HUMANITY, HABITAT WORLD

Vizaĝo de malriĉeco ofte estas kampara




Ĉi tiu haitia infano staras apud domo farita el bastonoj kaj plant-teksaĵo – ofta konstrustilo en kampara Haitio




Viktimoj de tiaj grandaj katastrofoj, kiel la cunamo en Sud-Azio aŭ uraganoj en Usono, bezonas longdaŭran helpon por rekonstrui siajn domojn – kaj vivojn...

## Kial en Americus?

La koncepto, kiu poste kreskis al *Habitat for Humanity International*, naskiĝis en bieno Koinonia (de la greka "kunuleco", "komunumo") – malgranda, interrasa kristanbazita komunumo fondita en 1942 de agrikulturisto kaj biblia klerulo Clarence JORDAN apud Americus, Georgio. Geedzoj Millard kaj Linda FULLER unue vizitis Koinonia-n en 1965. Ili havis sukcesan komercon en Montgomery, Alabamo, kaj estis sufiĉe riĉaj kaj influaj. Sed – ili decidis dediĉi sin al bonfarado. Ĝuste tie, en Koinonia, JORDAN kaj FULLER disvolvis la koncepton pri "partnera domkonstruado" – t.e. kiam tiuj, kiuj bezonas loĝejon, laboras kune kun volontuloj por konstrui sian domon.

La originala ideo estis, ke domoj estu konstruataj sen ajna profito kaj interezo. La konstruadon financu la kreskanta Fonduso por Homaro (*Fund for Humanity*). La mono en la fonduso venu de la pagoj de novaj domposedantoj, seninterezaj pruntoj kaj donacoj de homoj kaj organizoj. Kaj la tuta kolektita mono estu uzata por konstrui pliajn domojn. La malferma letero de la amikoj de la bieno Koinonia diris la jenon pri ĝia estonteco: "Kion malriĉuloj bezonas estas ne almozdono, sed kapitalo, ne socialaj laborantoj, sed kunlaborantoj". En 1968 Koinonia disponigis 42 duonakreajn lokojn por konstrui domojn kaj ankaŭ kvar akreojn por komuna parko kaj ripoz-zono. Por komenci laboron, donacoj venis el la tuta Usono. Oni konstruis domojn kaj vendis ilin sen ajna profito kaj interezo. Baza modelo por *Habitat for Humanity* estis sukcese lanĉita!

Cetere, unu el la plej oftaj miskredoj pri *Habitat* estas la supozo, ke ĝi estis fondita de eksa prezidento de Usono Jimmy CARTER. Kvankam li subtenas ĝin preskaŭ ekde ĝia naskiĝo, li tute ne estas ĝia fondinto. Li, cetere, subtenas la organizon ne nur per mono, sed ankaŭ per sia propra laboro: Jimmy CARTER kun sia edzino tre ofte volontulas en domkonstruado egale kun ĉiuj aliaj volontuloj! Interesa fakto: la skulptaĵo de Jimmy CARTER ĉe la georgia Kapitolo en Atlanto – li estas la sola usona prezidento el Georgio! – montras lin ne en kompleto, sed en simplaj laborvestaĵoj!

## 300-500 horoj da "ŝvit-investo"

Antaŭ la vizito al la Tutmonda Vilaĝo mi ial pensis, ke la celo de *Habitat for Humanity* estas donaci domojn al senhejmuloj. Evidentiĝis, ke tio estas tre ofta miskredo. Unue, oni *ne donacas* domojn – oni helpas konstrui, kaj fakte vendas domojn, kvankam treege malmultekoste kaj sen ajna interezo. Poste la domposedantoj – ĉu dum kelkaj jaroj, ĉu dum kelkaj jardekoj – devas poiomete pagi la tutan koston de la domo. Kaj, due, tute ne temas pri *senhejmuloj* – por havi la rajton je la domo de *Habitat* oni ja devas labori, ĉar alie oni ne povos pagi la konstruadon. Sed la homoj, kiuj rajtas je domo de *Habitat*, devas esti sufiĉe malriĉaj: kun enspezo egala al ĉ. 30-50% de la averaĝo en ilia regiono. Oni devas pagi etan antaŭpagon (por Usono 500 USD) kaj ankaŭ mem partopreni en la domkonstruado – tio estas nepra kondiĉo. Post kiam la domo estas preta, la novaj domposedantoj devas helpi ankaŭ al aliaj homoj konstrui siajn domojn – entute ili devas investi ĉ. 300-500 horojn da sia laboro. La ceteraj domkonstruantoj estas volontuloj, kiuj senpage kontribuas sian tempon (kaj ofte monon – se ili volas volontuli eksterlande).

La kosto de la domoj tre varias – ekde 800 USD en kelkaj disvolviĝantaj landoj ĝis averaĝo de ĉ. 46,6 mil USD en Usono. Malgraŭ tio, ke la centra oficejo de *Habitat for Humanity* situas en Americus, ĝi havas pli ol 2100 sendependajn filiojn. Ili gvidas ĉiujn aspektojn de la domkonstruado – monpetado, elekto de la loko por konstrui, laboro kun volontuloj ktp. Laŭ regulo, ĉiuj filioj pagas 10% el sia akirita mono por konstruado en aliaj landoj – tiel riĉaj landoj sponsoras la malriĉajn.

## Longdaŭra helpo

*Habitat for Humanity* – kune kun Ruĝa Kruco, Sav-Armeo kaj multaj aliaj internaciaj bonfaraj organizoj – helpas al homoj, kiuj suferis pro diversaj katastrofoj aŭ militoj. Sed se la taskoj de la plejparto de sav-organizoj estas provizi la homojn je provizoraj loĝejoj, medicina helpo kaj viv-rimedoj, vivnecesaj en la unua momento, – la tasko de *Habitat for Humanity* estas longdaŭra. Pasos multaj monatoj aŭ eĉ multaj jaroj ĝis kiam la homoj rekonstruos siajn domojn kaj rehavos normalan vivon post tiaj grandaj katastrofoj, kiel la cunamo en Suda Azio aŭ Uragano Katrina en suda Usono. Multaj miloj da homoj perdas ne nur sian domon – ili perdas samtempe ankaŭ esperon pri nova vivo... En januaro 2005, post la cunamo, *Habitat for Humanity* kolektis ĉ. 25 milionojn da USD por konstrui 25 mil domojn por la viktimoj de tiu naturkatastrofo.

Ankaŭ la respondo al Uragano Katrina estis impona. Krom kolektado de mono por la tuja helpo al la viktimoj, ĝi faras longdaŭran kampanjon por konstrui (aŭ rekonstrui) domojn en ĉiuj kvar ŝtatoj – Luiziano, Misisipio, Alabamo kaj Florido, trafitaj de la plej grandega naturkatastrofo en la tuta historio de Usono...

*La fotoj (krom la suba) estis afable disponigitaj de* Habitat World, *la revuo de* Habitat for Humanity.

**<Rete>**

Por lerni pli pri *Habitat for Humanity* kaj eventuale ricevi la ŝancon je propra *Habitat*-domo, aŭ eble fariĝi ĝia volontulo aŭ donaci monon, vizitu la plurlingvan retejon <www.habitat.org>




Preparante la teron al konstruado de sia propra domo en Knoxville, Tenesio. La familio de Tonja HARPER (malantaŭe) estas la 200-mila familio, kiu nun havas sian propran domon danke al *Habitat for Humanity*




Ekzempla (meksika) domo de *Habitat for Humanity* en Tutmonda Vilaĝo en Americus, Georgio


Roza LUKSEMBURG

# Roza Luksemburg, la hereza marksisto

*Olivier GAUDEFROY, Francio*

*"Mi estas kaj mi volas resti idealisto"*
Roza LUKSEMBURG

**La fino de la 19-a – komenco de la 20-a jarcento estis tempo de grandaj politikaj ŝanĝoj, kiuj influis – kaj daŭre influas – nian historion. Humanistaj ideoj, kiuj naskiĝis en la kapoj de la elstaraj homoj de la 19-a jarcento, ofte estis torditaj – tiel sur homamaj socialistaj ideoj naskiĝis hitleroj, stalinoj kaj muregoj – fizikaj aŭ mensaj... Ĉu la vortoj "socialismo" kaj "demokratio" povas iri kune kaj komplementi unu la alian? Ne nur povas, sed *devas,* opiniis Roza LUKSEMBURG – brila verkisto kaj ĵurnalisto, flama polemikisto, kiu malŝategis ajnajn dogmojn, pacifisto kaj internaciisto, pledanto por forigo de la mortopuno, kaj simple enciklopedie klera homo. Post frakaso de la grandaj ideologioj de la 20-a jarcento, ŝiaj originalaj ideoj permesas vivteni la esperon pri demokratia socialismo. Roza estis teoriisto de malregema marksismo, kaj ŝia martireco faris ŝin legendo.**

Roza LUKSEMBURG naskiĝis la 5-an de marto 1871 en la pola urbo Zamosc (tiam parto de la Rusia Imperio) en familio de bone integritaj judaj komercistoj. Junaĝe Roza studis en virina gimnazio en Varsovio, sed por eviti areston pro la ligoj kun pola revolucia grupo, je la aĝo 18, ŝi devis fuĝi al Svisio. En universitato de Zuriko ŝi ricevis doktoran diplomon pri politika ekonomio. Tie ŝi ankaŭ renkontis sian kunulon – litovan judon Leo JOGICHES. En 1893 ili kune kreis la Socialistan Partion de Pollando kaj Litovio, kiu aktivis por kunigi rusajn kaj polajn laboristojn kun la celo detrui carismon. En la sama jaro ŝi estis delegito de Pollando al la tria kongreso de la Dua Internacio (1), kie ŝi ne hezitis kontraŭstari al Friedrich ENGELS (2) pri la demando de la sendependeco de Pollando. Ŝi estis konvinkita internaciisto, kaj dum sia tuta vivo ŝi batalis por tiu idealo kaj kondamnis la danĝerojn de naciismo kaj ŝovinismo. Laŭ ŝi, la proletaro de ĉiuj landoj devis havi la saman celon: abolo de la kapitalisma sistemo. Ĉiu nacia postulo ŝajnis al ŝi duaranga.

En 1898 ŝi fariĝis civitano de Germanio kaj aliĝis al la germana Social-Demokrata Partio (SPD, germane), kiu tiam estis la plej granda socialista partio en Eŭropo. Ŝi reprezentis la maldekstron, kritikante la reformisman flankon, subtenatan de Eduard BERNSTEIN (3). Roza ne kontraŭis enkonduki pli da sociaj reformoj en la kapitalisman ekonomion, sed ŝi opiniis, ke se la laborista movado okupiĝus nur pri tio, tiam ĝi ne plu volus ŝanĝi ĝiajn fundamentojn kaj superi kapitalismon. Male, ŝi disvolvis sian originalan teorion bazitan sur la revolucia spontaneeco de proletaro. Roza akceptis la neceson de revolucia enrompiĝo – unikan vojon al socialismo, iniciitan de la laborista klaso, – kaj forĵetis la ideon pri la "direkta rolo" de la partio. Ŝi ne kredis, ke la klera avangardo devas direkti la revolucion, kaj post stariĝo de unupartia diktatoreco en Sovetunio ŝi fariĝis arda kritikanto de ĝi. Tamen ŝi ne estis anarkiisto – ŝi restis marksisto. Roza kredis, ke la partio ne devas organizi la revolucion – ĝi devas nur indiki la vojon, kaj per tio ŝi tre malsimilis al Lenino.

Ŝi partoprenis en la rusa revolucio de 1905, estis arestita, poste liberigita dank' al la interveno de la germanaj socialistaj gvidantoj. Reveninte al Germanio, ŝi fariĝis profesoro pri ekonomiko en la skolo de SPD, sed ŝi estis izolita ene de la partio. La partio volis integri la laboristan klason en la kapitalisman socion, kaj la germanaj socialistaj deputitoj (en 1912 ili fariĝis la plej forta partio en Germanio) voĉdonis por la militaj elspezoj en 1914, tiel doninte la "verdan vojon" al la Unua Mondmilito... En 1914, kiam la plimulto de socialistaj gvidantoj aprobis la militstrebon, Roza LUKSEMBURG kaj Karl LIEBKNECHT [libkneĥt] (4) prenis la pacan flankon ene de SPD. En la Dua Internacia Kongreso en Stuttgart ŝi eĉ proponis rezolucion, kiu unuigus laboristojn de ĉiuj landoj en la provoj haltigi la militon. En la sama jaro ŝi organizis kontraŭmilitajn manifestaciojn kaj alvokis al civila neobeemo kontraŭ la aŭtoritatuloj, dum la reprezentantoj de SPD voĉdonis por la interkonsento kun la registaro, kiu garantiis, ke ili ne organizos strikojn dum la milito... Poste ŝi estis arestita pro "incitado al la civila neobeemo" kaj malliberigita inter 1915 kaj 1918.

Tamen, ŝi kaŝe daŭrigis sian politikan aktivadon kaj fondis en 1916 kun Karl LIEBKNECHT, Franz MEHRING [franc mering] (5) kaj sia amikino Clara ZETKIN [klara cetkin] (6) la Spartakistan Ligon (nomo donita omaĝe al Spartako, estro de la sklavoj ribelintaj kontraŭ Romo en 71 a.K). Roza akceptis la rusan revolucion de 1917 kun entuziasmo, sed ŝi restis tre suspektema pri la regemo de Lenino: ŝi antaŭsentis stalinisman direkton en la leninisma revolucio. Roza estis pasie revolucia kaj samtempe korligita al la perspektivo de aŭtentika socialista demokratio. Se la koncepto de socialismo ĉe Lenino estis regema kaj ŝtatema, tiu de Roza permesis la disvolvon de memadministrado kaj celis la plej vastan demokration. Ŝi diris: "la libero estas almenaŭ la libero por tiu, kiu opinias alimaniere".

Fine de la Unua Mondmilito estis proklamita la Germana Respubliko, kaj Roza estis liberigita. Tiam, kune kun Karl LIEBKNECHT, ŝi revivigis la Spartakistan Ligon. Kuraĝigitaj de la revolucio en Rusio, la spartakistoj deziris plivastigi la revolucion kaj lanĉis ribelon en Berlino en januaro 1919. Roza ne favoris tion – ŝi opiniis, ke perforto ne estas la vojo al sukceso de la ribelo, tamen ŝi partoprenis en ĝi. La ribelo estis subpremita per la ordono de la nova social-demokratia registaro. Roza estis arestita, mortbatita per malantaŭa flanko de pafilo 15-an de januaro 1919. Ŝia korpo estis ĵetita en la apudan riveron... En la sama tago estis pafmurdita ankaŭ Karl LIEBKNECHT... Ĉitage juna poeto Berthold BRECHT skribis la jenajn vortojn:

*Roza la ruĝulino ankaŭ malaperis*
*Ne estas konata la loko en kiu kuŝas ŝia korpo*
*Ŝi diris al malriĉuloj la veron*
*Kaj por tio la riĉuloj ŝin ekzekutis.*

La vivo kaj la memstara pensado faras Roza-n LUKSEMBURG herezulo ene de marksismo, kaj tio pravigas la intereson al tiu ĉi persono ankoraŭ hodiaŭ. Dum sia tuta vivo Roza luktis kontraŭ la devojiĝoj de Lenino kaj ankaŭ kontraŭ la cedemo de SPD, kaj ŝiaj ideoj prezentas alternativan vojon al la du ĉefaj ideologioj: ŝi volis kunigi socialismon kun demokratio. Ŝi ĉiam laŭdis la agadojn ekster politikaj partioj, en kiu la homoj mobilizas sin, kaj la hodiaŭaj alternativaj movadoj – ekzemple, la movadoj por alispeca tutmondiĝo kaj por ekologio, estas tre proksimaj al la ideoj de Roza LUKSEMBURG!

(1) La Dua Internacio: internacia unuiĝo de socialistaj partioj, fondita en 1889 en Parizo
(2) Friedrich ENGELS: germana socialista teoriisto, amiko de Karlo MARKSO (1820-1895)
(3) Eduard BERNSTEIN: germana socialista teoriisto (1850-1932)
(4) Karl LIEBKNECHT: germana socialista deputito, filo de la kreinto de SPD, Wilhelm LIEBKNECHT (1871-1919)
(5) Franz MEHRING: germana ĵurnalisto kaj socialisto (1849-1919)
(6) Clara ZETKIN: germana socialisto kaj feministo (1857-1933)

# Novliberalismo
## aŭ: kial misfunkcias la “la meza vojo”

*Felix ZESCH, Germanio*

**Grava parto de politiko estas ekonomipolitiko. Ĝi enhavas, ekzemple, monpolitikon (kiom da inflacio estu) kaj konkurencpolitikon (kiom da konkurenco estu inter entreprenoj, laboristoj ktp.), sed ĝi ankaŭ tuŝas kampojn de socipolitiko. Ne nur en Eŭropo kaj Usono unu doktrino de ekonomipolitiko hodiaŭ estas superrega. Per Internacia Monfonduso kaj Monda Banko, regataj fare de Eŭropo kaj Usono, ĝi estas enkondukata ankaŭ en evoluantajn landojn kaj verŝajne influas la vivon de ĉiuj legantoj de *KONTAKTO*. Tial indas iom rigardi la ekonomipolitikan doktrinon nun superregan en la mondo: novliberalismon.**

### La teorio

La ĉefa fondinto de la teorio estas Friedrich August HAYEK [fridriŝ aŭgust hajek], kiu prezentis ĝin en 1938 kiel la “mezan vojon” inter kapitalismo kaj socialismo. Baza elemento de la doktrino estas la supozo, ke la ŝtato ne estu ekonomia aganto. Laŭ tiu teorio, ĉiuj ŝtataj entreprenoj estu privatigitaj – ekzemple, fervojo, poŝto, universitatoj ktp. Gajnoj estas tiel privatigataj, dum perdojn plej ofte pagas la socio. Jen klare videblas la diferenco de “pura socialismo”, en kiu la ŝtato gvidas la ekonomion, respondecante kaj pri gajnoj kaj pri perdoj.

Laŭ novliberalismo, ĉio laŭeble estu privatigita kaj fariĝu regata de merkataj meĥanismoj, ĉar la merkato – teorie – gvidas al pli ekonomie efika distribuo de varoj. La vortoj “ekonomie efika” ĉi tie neniel rilatas al iu koncepto de socia justeco – temas nur pri optimuma utiligo de ĉiuj produktadiloj. La tasko de la ŝtato estas nur funkciigi la merkatajn meĥanismojn – do ebligi konkurencon inter la surmerkataj agantoj, ekzemple, per leĝa malhelpo al karteloj kaj monopoloj, kiuj kvazaŭ aŭtomate ekestas en merkata ekonomio, se oni leĝe ne malhelpas tion. Kaj jen la diferenco disde “pura kapitalismo”, en kiu neŝtataj monopoloj eblas. Laŭ novliberalismo, ĉio, kio malhelpas merkatajn meĥanismojn, kiel ekzemple tro multaj aŭ striktaj leĝoj, estu abolita. La merkato transprenu la rolon de ordiganto, kaj la ŝtato nur funkciigu ĝin.

La teorio mem estas sufiĉe facila kaj bone taŭgas por akiro de baza ekonomika kompreno en la komencaj jaroj de universitato. Tamen la demando restas, ĉu ĝiaj supozoj estas realismaj, kaj ĉu la teorio en si mem estas senkontraŭdira ĝis tiu grado, ke eblas dedukti el ĝi klarajn agrekomendojn por politikistoj? Surbaze de novliberalismo multegaj agoj nuntempe estas postulataj kaj prezentataj kiel neeviteblaj kaj senalternativaj. Sed ĉu tio estas pravigebla?..

### Interhomaj rilatoj

Unu supozo de la novliberalisma doktrino estas ke ĉiu aĉetanto havas preferojn sendependajn de tiuj de aliaj homoj, kaj ĝuste de tio deduktas la prezon, kiujn li/ŝi pretas pagi por iu varo. Ekzemple, Maja volas aĉeti ŝuojn de la marko “Tristel” nur ĉar la ecoj de la ŝuoj, kiel koloro kaj materialo, kongruas kun ŝiaj preferoj, kaj ne ĉar multaj aliaj en ŝia lerneja klaso havas tiajn ŝuojn. Se la aliaj havus ŝuojn de la marko “Trostel” aŭ “Trastel”, ŝi daŭre aĉetus la ŝuojn de la marko “Tristel”, ĉar tiuj ja kongruas kun ŝiaj preferoj, kiuj estas sendependaj de tiuj de aliaj. Interhomaj rilatoj ne estas konsiderataj en la novliberalisma doktrino. Multaj diras, ke tiu ĉi aliro ne kongruas kun la realeco. Ĝi tamen estas sufiĉe baza por la novliberalisma teorio, ĉar el ĝi oni deduktas la funkcimanieron de la merkato.

### Kapitala disputo

Alia grava pensinklino de novliberalismanoj estas la kredo, ke ĉio, kio funkcias kaj ĝustas en entrepreno, ankaŭ pli-malpli funkcias en ŝtato, kiu estas ja sumo de entreprenoj. Science dirite, ekzistas ne nur mikroekonomia, do entreprennivela, produktadfunkcio, sed ankaŭ makroekonomia, do ŝtatnivela. Per produktadfunkcio entrepreno povas ekscii, kio estas la plej utildona kombino de ĝiaj produktadfaktoroj – laboro kaj maŝino. Ekzemple, se la prezo por laboro malplialtiĝas, tiam la entrepreno dungu pli da homoj kaj uzu malpli da maŝinoj. Tio funkcias teorie pli-malpli bone sur la nivelo de la entrepreno. En la sesdekaj jaroj de la pasinta jarcento kadre de la tiel nomata “kapitala disputo” estis montrita, ke tio tamen certe ne funkcias sur makroekonomia, do ŝtatskala nivelo. Ne ekzistas makroekonomia produktadfunkcio. Sekve, ekzemple, supozoj pri malpli granda senlaboreco pro malpli altaj impostoj je laboro restas supozoj sen teoria pravigo.



“Ĉu la receptoj, kiujn politikistoj prezentas nuntempe, vere estas aplikeblaj, ununuraj kaj senalternativaj”?

### Bonaj konsilistoj?

La ŝtato do enhavas ne nur entreprenojn, sed ankaŭ faktorojn, kiuj sur la entreprena nivelo estas fiksitaj deekstere. Tamen sur la ŝtata nivelo iuj faktoroj devas esti fiksitaj deinterne, kiel, ekzemple, interezoj. Dum la interezoj estas fiksaj en la produktadfunkcio de la entrepreno, ili estas varieblaj en tiu de la ŝtato. La ŝtato estas pli ol la sumo de ĝiaj eroj, kaj la novliberalisma aliro tial teorie malĝustas. Lige al tio estas interese, ke en pluraj eŭropaj ŝtatoj estroj de grandaj entreprenoj estas politikaj konsilistoj. Oni povus supozi, ke ankaŭ ili faras la eraron



La vortoj, ke la ŝtato ne devas enmiksiĝi en ekonomion, signifas ankaŭ, ke ne ĉiam profita agrikulturo ne plu ricevos ŝtatajn subvenciojn

konkludi el la spertoj de sia entrepreno la rimedojn por plibonigo de la ekonomio.

Tiuj ĉi ne estas la unuj mallogikaĵoj en la novliberalisma doktrino, sed ili jam sufiĉus por almenaŭ starigi la demandon, ĉu la receptoj, kiujn politikistoj prezentas nuntempe, vere estas aplikeblaj, unuraj kaj senalternativaj.

### Dio donis du okulojn

La merkato estas la imagata ejo, kie renkontiĝas ĝiaj du flankoj: oferto kaj mendo. La novliberalismaj politikistoj koncentriĝas nur je la oferta flanko, ĉar la ŝtato, kiel priskribite, ne estu ekonomia aganto – t.e. ĝi ne aĉetu por ekonomivigligaj celoj. En la realeco tio gvidas al postuloj, kiel malplialtigo de salajroj, forigo de leĝa maldunga protekto k.s. por malplialtigi senlaborecon. Tamen ĝuste mendoj, kiuj donas sekurecon pri la estonteco, estas la plej necese bezonataj de entreprenoj!

Se Maja iras al vendejo kaj aĉetas ŝuojn, tio estas ero de mendo. La ŝuvendisto ĉi-kaze estas ero de la oferta flanko. Se la prezo de laboro malplialtiĝus, li ne dungus plian homon. Li faros tion, pli verŝajne, kiam li havos pliajn mendojn, kiam li sola jam ne plu povos prizorgi ilin ĉiujn, kvankam ankaŭ la prezo de laboro ne estas malgrava.

Indas do koncentriĝi ne nur je unu flanko de la merkato, sed je ambaŭ laŭbezone. La usona nobelpremiito pri ekonomiko Paul SAMUELSON [pol semjulson] diris: "Dio donis al la ekonomikisto du okulojn. Unu por la oferta kaj unu por la menda flanko".

### Postaŭtisma ekonomiko

Ĝenerala problemo de la hodiaŭ superrega novliberalisma doktrino estas ke ĝi ne akceptas aliajn sociekonomikajn alirojn, kiuj tamen ekzistas kaj pluevoluas. Almenaŭ en la t.n. okcidenta mondo apenaŭ ekzistas universitatoj, en kiuj estas zorge instruataj aliaj skoloj, krom la novliberalisma. Ĝiaj konkludoj ŝajnas kiel nura vero al ordinara studento de ekonomiko, ĉar li, laŭ la instruplano, neniam aŭdos profunde ion pri aliaj skoloj. Plie, ankaŭ kiel ekonomiajn konsilistarojn oni alvokas preskaŭ nur la reprezentantojn de tiu ĉi doktrino. Kaj tial politikistoj tre malofte konatiĝas kun aliaj ekonomikaj agrekomendoj ol novliberalismaj, mem havante malmulte da scio pri ŝtata ekonomiko. Oni povas do konstati, ke la hodiaŭ superreganta novliberalisma doktrino estas "aŭtisma" en la senso, ke ĝi havas grandajn problemojn interkomunikiĝi kun aliaj sciencoj kaj aliroj.

Skolo, kiu klopodas eviti tion, estas la tiel nomata "postaŭtisma ekonomiko". Laŭ ĝi, neniu skolo sole sukcesas priskribi la tutan ekonomian realecon, ĉar la realeco estas tro kompleksa. Sed diversaj aliroj priskribas diversajn erojn de la ekonomia realeco pli aŭ malpli bone kaj tial oni utiligu ne nur unu teorian skolon, sed laŭeble plej multajn por veni al iu agrekomendo. Krome, oni ĉiam kontrolu la verecon de la teorio per statistikoj kaj tiel evitu teorion, tro foran de la realeco – kiel, ekzemple, novliberalismon.

---

# Sep jarojn post disiĝo

Facila

Adjévi ADJE

*Adjévi ADJE, Togolando*

**Mi naskiĝis en** poligamia **familio. Mia patro havas tri edzinojn kaj 28 gefilojn (ĉiuj vivantaj). Li estas** emeritiĝinta masonisto**. Nun li loĝas en vilaĝo Anjronkope kun la dua edzino kaj kelkaj gefiloj. La tria edzino, panjo, loĝas en Lomé, kun kelkaj miaj gefratoj. La unua edzino kun kelkaj gefiloj loĝas en Akro, kie mi pasigis du semajnojn. Mi estas la 13-a infano de mia patro kaj la tria el ok de mia patrino.**

Delonge mi planis viziti miajn familianojn en Ganao, sed mi ĉiam estis tro okupita. Finfine, mi povis vojaĝi al Akro, la ĉef-urbo de Ganao. Kiam mi alvenis, profunda ĝojo kaptis miajn familianojn. Renkonte, ili kuris al mi, ĵetis sin sur mian kolon kaj longe **brakumis** min kun la vorto: "Akwaaba, akwaaba" – "bonan alvenon"!

Certe mi havus kelkajn pliajn kilogramojn, se mi restus en Akro pli longe. Oni vekis min ĉiumatene kun teo aŭ kafo. Mawoena [maŭena], mia duonpatrino, tre atentema, por forigi mian **enuon** amikeme paroligis min kaj foje rakontadis al mi pri sia pasinteco. Miaj duonfratoj, ĉiu siamaniere, penis havigi al mi ĉiam pli da ĝojo: Fo-Adjé [fo-aĝe] en-poŝ-igis al mi preskaŭ ĉiumatene kelkajn biletojn de *cedis**; Tata montriĝis kiel aktiva promen-iganto tra la urbaj stratoj; Togbevi montris sin kiel nia patro – li zorgis pri tio, kiel **provizi** la domon je ĉiuj necesaĵoj. Senlace, li foriris frue ĉiumatene kaj revenis iom poste kun pakaĵo da sukero aŭ pano. Kiam sentiĝis ajna bezono en la domo, li tuj elpoŝigis la monon... Kia **malavara** estonta patro!



Kun la familianoj

Tanti, ĝoj-plena kaj ridema fratino, post kiam ŝi **balais** la dom-korton kaj purigis la telerojn, helpis aŭ anstataŭis la patrinon en la kuirejo matene antaŭ ol iri al la **meti**-lernado, por prepari al ni maten-manĝon, kaj vespere – vesper-manĝon. La persono, kiu multe mirigis min, estis Kofi, mia nevo. Li flue alkutimiĝis al multaj naciaj kaj fremdaj lingvoj. Kofi kun lerteco haltigis min dum la promeno jen por prezenti al mi tre belajn fraŭlinojn, kiuj turnus la kapon eĉ de **blindulo**, jen por proponi al mi glaseton da *Bitters***, kies gusto eĉ nun sentiĝas en mia buŝo!

Miaj familianoj ne estis la solaj personoj, kiuj montris tian varman gast-amon. Ankaŭ la kunloĝantoj alportis al mi tre bongustajn manĝaĵojn, foje invitis min pasigi la tagmezon kun ili ĉe la tablo.

Ĉiu persono, kiu longe vojaĝos por eniri la domon de tiuj malavaraj kaj **modestaj** homoj komprenos, ke liaj gastigantoj neniam permesos al li foriri sen proponi la plej bonajn aferojn, kiujn ili havas. Tiel, la anonco pri mia foriro elvokis en miaj karaj gastigantoj tiom da sentoj, ke mi kontraŭ-vole devis **prokrasti** mian foriron.

Mi estis tre feliĉa pri mia vizito al Akro, ĉar mi revenis hejmen kun bonaj rememoroj: mi faris interesajn fotojn, plibonigis miajn angla-lingvajn sciojn, vizitis lokojn, kiujn mi antaŭe malmulte konis aŭ tute ne konis kaj grandigis mian moner-kolekton per aldono de kelkaj *cedis*-oj. Kaj – plej grave – mi nun havas multajn novajn kontaktojn! Miaj familianoj revigligis min, kiel ili ofte faras al miaj aliaj gefratoj. Mallonge, mia familianaro faris al mi tion, kion la distanco dum longa tempo malhelpis, kaj tiuj momentoj estas neforgeseblaj!

Mi alvenis hejmen kun sako plena je donacoj kaj pakaĵoj por transdoni al konatoj loĝantaj en Togolando.

* *cedis* – loka mono
** *Bitters* – loka forta trinkaĵo, farita el distilita palmvino

**balai** – purigi plankon
**blindulo** – tiu, kiu ne povas vidi
**brakumi** – premi en siaj brakoj
**emeritiĝinta** – tiu, kiu ne plu laboras pro aĝo
**enuo** – malplezuro pro senintereseco
**malavara** – tiu, kiu elspezas monon sen zorgi pri ĝi (avara – kiu tro interesiĝas pri mono)
**masonisto** – tiu, kiu konstruas per ŝtonoj
**metio** – manlabora profesio
**modesta** – neriĉa; tiu, kiu neniam bone parolas aŭ pensas pri si mem
**poligamia familio** – familio kun kelkaj edzinoj aŭ edzoj
**prokrasti** – transmeti al pli malfrua tempo
**provizi** – havigi

# Laboristoj ĉe VW



*Cezar*

Mia nomo estas Jan NEMANICE, mi estas senlaborulo. Kaj ĉar mi havas tiom da tempo, laŭ la opinio de miaj parencoj, mi veturigas per aŭto la gepatrojn de mia edzino kaj ŝin mem al la plej juna frato de mia bopatro. Li loĝas en Heslando en okcidenta Germanio, en vilaĝo. La malgrandaj domoj en tiu vilaĝo, envicigitaj kiel soldatoj, aspektas kiel *little boxes on the hillside* – malgrandaj skatoloj sur la monteta flanko. Mi devas rideti pri tio, ke la domoj rememorigas al mi pri la ironia kanto de Pete SEEGER. Unue mi pensis, ke la vilaĝo konsistas nur el familiaj domoj, sed ĉar ni ne tuj trovis la domon de la frato, mi rimarkis, ke la vilaĝo havas du gastejojn, etan preĝejon, grandan magazenon, trinkaĵ-vendejon, iun fabrikon kaj iujn provizejajn halojn aŭ konservejojn – aŭ kio ajn ili estas. Kaj tamen, en tiu trista loko mi ne volus loĝi, certe ne, – mi pensis. Kiam ni – eĉ post la rondveturo – ne trovis la domon, mi demandis iun surstrate, kaj virino montris al ni per gesto la serĉatan domon, kiu staris tuj apude.

Oni jam atendis nin, ege afable salutis kaj enlasis internen. Nun mi sidas ĉe la familia tablo de la frato de mia bopatro – li estas vizitenda ankoraŭ pro tio, ke li estas la plej juna el la sep gefratoj. En la praktika dufamilia domo, konstruita "per propraj manoj", kiel fiere diras la "patriarko", mi mordas mian langon por ne diri iun stultan mokan rimarkon pri la kiĉaj nepraktikaj mebloj kaj la neestetikaj ornamfiguroj kaj murteleroj. Mi manĝas tre bongustajn bulkajn knedlikojn kun gulaŝo laŭ malnova hejmrecepto el Bohemio, kie naskiĝis la edzino de la plej juna frato, kaj dume mi aŭskultas, kiel la malbonaj "rusogermanoj" el la "tajgo" ĝenas la ordon en la vilaĝo, ĉar ili ekloĝas ĉi tie, konstruas domojn kaj eĉ tradraŝas la germanojn. Temas pri du domoj el kvarcent! La "patriarko" ankoraŭ aldonas, ke "ĉe Adolf" tio ne okazus!

Tiam ni parolas pri *Volkswagen*, ĉar li laboris multajn jarojn en la urbo Kassel, kiel lakisto de *VW*-aŭtoj. Ankaŭ la filino kun la bofilo Gerd kaj ties filino sidas ĉe la tablo – ili havas la duan loĝejon en la domo. Ankaŭ Gerd laboras ĉe *VW*, en iu planada sekcio, kiu decidas, kiam kaj kie estu uzata la plej granda minimumo da laboristoj por tiu aŭ alia laboro, por ke ĝi ne estu transigata en la pli malkaran eksterlandon. Gerd jam mem pensis eklabori en Ĉinio, kiel liaj ĉefoj proponis al li, sed ĉar lia tre amata edzino havas fortan astmon, li devis resti hejme en Germanio. Tiu planlaboro estas ŝajne tiom grava por la konzerno, ke Gerd daŭre devas labori kromajn horojn. Estas jam multegaj...

"Kion ili pagas al vi por tio?" – mi demandas. – "Nenion, – li diras, – mi devas mallabori tiujn horojn". – "Kaj kiam vi povas mallabori tiujn horojn, se vi daŭre laboras kromhorojn?" – "Nu, tiujn mi povos mallabori, kiam mi estos morta", – li diras kaj rikanas je tio. Tiam li kondukas min en sian loĝejon, funkciigas la komputilon kaj montras, kiel oni mortpafas la marĉokokinojn el la dua versio de la fama komputilludo. Ŝajne li ne estas tre lerta aŭ, pli ĝuste, sufiĉe sperta. La kulmina rezulto de lia filino estas multe pli granda ol lia. Mi vidas per lia vizaĝo, ke li ne estas kontenta pri tio. Morgaŭ, sabate, li iros denove al la futbalmatĉo en la vilaĝo, kaj dimanĉe al la sanktigita skatkarta ludo. "Tion ankaŭ vizitoj ne povas malhelpi, – li diras al mi tute serioze. – Alikaze restas nur laboro kaj laboro", – li aldonas, – "ankaŭ kun la domo ĉi tie vi ne supozus, kiom da laboroj en tiu domo farendas". Mi pensas, ke dank' al mistera nekonata forto, mi ne havas domon; mi ne volus havi domon, eĉ se iu donacus ĝin al mi, sed mi diras nenion pri tio. Tiam li parolas pri la malsano de sia edzino, kiu laboras nur kelkajn horojn semajne kiel purigistino, neoficiale, kiel li preskaŭ flustras.

Tiam li demandas min, kion mi pensas pri mia bopatro: "Li ja estis komunisto, kiam la GDR ankoraŭ ekzistis, ĉu ne?" Mi respondas: "Ne vera komunisto, sed oportunisto – same kiel li antaŭe estis oportunista nazio". Kaj tiam mi rakontas al li, kiel la patro de mia edzino, estante direktoro de juĝejo en Oldaburg, metis min por ses semajnoj en malliberejon pro bagatelo, ĉar ĝuste en tiuj tagoj okazis granda amnestio, kaj la malliberejoj bezonis novajn malliberulojn por la "prizona industrio". Sed li tute ne miras pri tio, li eĉ ne demandas min, kial mi en tiu kazo ankoraŭ havas kontakton kun mia bopatro kaj eĉ veturigas lin al parencoj. Li rimarkas nur, ke ankaŭ la bopatro devis fari kompromisojn kaj ke ankaŭ en la okcidento "ne ĉio estas oro, kio brilas".

Mi rakontas al li, ke mi du jarojn antaŭ la falo de la Berlina Muro forlasis la ŝtaton GDR kun multaj iluzioj, kaj ke mi eĉ devis eksedziĝi pro tio ĉe la juĝisto, kiu estis kolego de mia bopatro. Kaj tiam Gerd – iom surprize – abrupte ŝanĝas la temon kaj montras al mi siajn familiajn fotojn en libro: bildojn de la edzino kaj de la filino, fotojn pri la konstruado de la domo kaj kelkajn fotojn de sia laborejo – diversaj *VW*-aŭtoj, kiuj tute ne interesas min, ĉar mi ne ŝatas aŭtojn. Mi prefere veturus per trajnoj, se tio ne estus tro kosta por mi.

Tiuj fotoj malbonhumorigas min. Foto kun staranta surstrate *VW* kaj apuda nigra hundo kun ĉeno ĉirkaŭ la kolo tamen vekas mian intereson, kaj mi demandas pri tio. Li diras: "Tio estas Cezar post la kapto, rigardu la ĉenon. Mordema besto, ni devis mortpafi lin, ĉar li ne estis taŭga por io. Mi estis ekstere por pisi, kaj tiam tiu damnita besto elsaltis. Policisto helpis kapti lin. Sed rigardu la *VW*-on, ĉu ĝi ne estas karesilo por la okuloj? Rabatita. Ĉiujare ni povas aĉeti rabatitajn aŭtojn de la konzerno. Mi ŝoforas nur unujarajn aŭtojn, tio ŝparas riparojn. Kion vi diros pri tio?" Mi diras nenion kaj fariĝas pli kaj pli malĝoja, io en mi hirtiĝas kontraŭ tiom da konzernfideleco. "*VW*-sklavo", – mi pensas malŝate kaj certe maljuste en lia kazo, – "kial vi lasas kapti vin tiel simple? Ĉu tiu rabatita aŭto estas io alia ol la vitroperloj por la negroj, kiujn oni volis vendi kiel sklavojn?" Sed mi diras nenion.

Kaj tiam mi subite imagas, ke *mi mem* estas la viro en tiu *VW*. Mi elsaltas el la rabatita aŭto kaj forĵetas la arlekenan ĉapon kaj la koltukon de la futbalunuiĝo Wolfsburg. Mi krias laŭte: "Nun leku min, ŝovu viajn damnitajn aerpestumilojn en viajn dikajn postaĵojn! Krizo vin detruu, borsokraŝo vin voru!" Mi vidas min ŝire malfermi la aŭtopordon, ellasi la hundon kaj iri en la liberan naturon, al liberaj herbejoj, kie ekzistas ankoraŭ aŭtentikaj skaraboj, kiuj ankoraŭ nenion scias pri la gvidanto Adolfo HITLERO kaj liaj mondodetruaj ideoj. Al skaraboj, kiuj ankoraŭ nenion scias pri la fia idaro de la nazioj. Al la liberaj kampoj, kie ankoraŭ estas lokoj, en kiuj ne regas monavidaj manaĝeroj, kiuj volas ekspluati min. Mi fuĝas tiom foren, kiom eblas, kaj mi ĝojas pri tio, ke mi ankoraŭfoje sukcesis preteriri tiujn pestulojn, kiuj traktas la laboristojn kiel hundojn.

Mi ne sentis min hejme en tiu familio kaj tial mi kun mia edzino uzis ĉiun okazon forveturi. Mi prefere rigardos kun mia kara la mezepokan urbeton Fitzlar, la regionan muzeon, en kiu oni povas elprovi laborilojn de neandertalhomoj, kaj poste ni vizitos mezepokan burgon* ĉe granda baraĵlago, konatan pro kanzonfestivaloj. Tie ankoraŭ nun staras fera kaĝo el la mezepoko, en kiun oni metis kaj surkraĉis homojn, kiuj eĉ pro la plej eta transpaŝo estis kruele punitaj per drakonaj leĝoj. Sur alia flanko de la lago ni interparolas kun kelkaj lokanoj, kiuj apenaŭ povas iri al la rando de la lago. Tio ankaŭ ne necesas, ĉar oni ne plu povas naĝi en ĝi. Revenante, mi aĉetis vinon ĉe stando tuj apud la impona valbaraĵo. Kaj tie denove reviviĝis subite la damnita historio de la "miljara regno Germanio" kaj ĝiaj sekvoj – sur faldfolioj: ili montris, kiel rusaj bombaviadiloj atakis tiun impresan industrian monumenton. Evidente por montri, kiaj barbaroj estis niaj "malamikoj" en la Dua Mondmilito.

* burgo – mezepoka fortikigita kastelo (N.PIV)

## Por infanoj, adoleskantoj kaj ĉiuj, kiuj estas junaj en la koro!

*Joel* Amis*, Usono*

***La kastelo de vitro.*** **John Francis. UEA. Rotterdam. 2004. 197 paĝoj. 18.00 EUR.**

Ni esperantistoj ofte ŝatas fanfaroni pri la riĉeco kaj diverseco de nia originala literaturo – plejparte prave. Sed malgraŭ la bunteco de nia literaturo, ĝi estas tamen iom malekvilibre "plenkreskula" – t.e. la havebla originala literaturo por infanoj kaj junaj adoleskantoj estas magra, se diri milde. Kaj eĉ se oni sukcesas trovi Esperantan infanliteraturon, plej ofte temas pri libroj por junaj infanoj. La originala romano *La Kastelo de Vitro* multe riĉigas la E-literaturon por la "Harry Potter"-aĝgrupo.

*La Kastelo de Vitro* rakontas pri du geknaboj, Stela kaj Ernesto, kies banalan feriadon en kvieta kampara vilaĝo trarompas aventuro, kiam ili malkovras misteran pordon al alia mondo – mondo de elfoj, drakoj, kavaliroj kaj aliaj fabelecaj estaĵoj. Iuj komparas la romanon al la famega serio *Harry Potter* (tamen temas pri hazardo, ne influo, ĉar John Francis verkis ĝin longe antaŭ la ideo por *Harry Potter* estis eĉ naskita) – tamen la simileco, laŭ mi, estas verŝajne pli ĝenra ol enhava: dum *Harry Potter* temas pri sorĉistaj infanoj vivantaj en nia mondo, *Kastelo*, male, temas pri normalaj infanoj, kiuj subite trovas sin en magia mondo. Tamen verŝajne tiu ĝenra simileco sufiĉas por ke ĝi estu alloga por infanoj/adoleskantoj (kaj plenkreskuloj!), kiuj ĝuas *Harry Potter*-on kaj similĝenrajn librojn.

La rakonto mem, kvankam ne elstara laŭ altliteratura vidpunkto, estas certe ĉarma, ĝuinda kaj distra – ĝuste tia kia ĝi devus esti. Oni povas kritiki, ke ĝi nenion gravan kontribuas al la E-literaturo... sed ĉu *Harry Potter* grave kontribuas al angla literaturo? Eble, efektive, en nia komunumo ni bezonas ne tiom da "alta literaturo", sed pli da leĝera literaturo por infanoj kaj adoleskantoj (kaj por ĉiu el ni, kiu volas foje kore revivi tiun aĝon).

Apartan mencion meritas tamen la ilustraĵoj de Francisco Veuthey. Estas granda ĝojo malfermi Esperantan libron kaj trovi tiel allogajn, aktivajn desegnaĵojn – la sola bedaŭrindaĵo estas ke ne estas *pli* da ilustraĵoj en la libro.

La lingvaĵo de *Kastelo* estas, laŭ mi, relative flua kaj bonstila, kaj sufiĉe facila por la celita legantaro – sen doni la impreson de lernolibro por progresantoj unuflanke, kaj sen la neceso preni la vortaron aliflanke. Bedaŭrinde, tamen, ne mankas tajperaroj – la kvanto estas certe akceptebla se konsideri E-librojn entute, sed ĉar temas pri UEA-eldonaĵo oni atendas iom malpli da eraroj.

Mi tamen devas forte rekomendi *La Kastelo de Vitro*-n al ĉiu, kiu ŝatas fabelecan, fantastan literaturon – ĉu vi mem estas juna adoleskanto, ĉu vi havas gefilojn, genepojn aŭ genevojn en tiu aĝo, aŭ ĉu vi estas juna adoleskanto nur en la koro!

**La libro haveblas ĉe la libroservo de UEA: <www.uea.org/katalogo>**

# Li pardonis mortigistojn

Facila

*B. Purushotham, Hindio*




Unu tagon sinjoro Gandhi prelegis en Sud-Afriko. Subite dum la prelego li malsupreniris al la aŭskultantaro kaj iris al unu homo, kiu aspektis tre kolera. Gandhi parolis kun li iom da tempo. Dum li parolis, sur la vizaĝo de tiu homo okazis kelkaj ŝanĝiĝoj. Fine, la du personoj jam man-premis kun rideto. La homo foriris, kaj Gandhi revenis kaj daŭrigis la prelegon, kvazaŭ nenio okazis.

S-ino Polak ne komprenis, kio okazis, kaj petis lin klarigi. "Nenio okazis, li simple venis mortigi min". Timante, ŝi demandis: "Kial do vi permesis al li foriri? Kial vi ne transdonis lin al polico"? Tiam Gandhi diris kun rideto: "Li ne komprenis min antaŭe, kaj nun mi forigis liajn dubojn. Nun li estas mia amiko. Se mi transdonos lin al la polico, li estos mia malamiko. La boneco, kiu kaŝiĝis en li, neniam aperis, kaj mallumo de kolero kovris lian koron". S-ino Polak kun intereso aŭskultis tiun respondon. Ŝi neniam antaŭe ĝis-fine komprenis, kio estas sen-per-forto kaj homamo, sed nun ŝi komprenis, kia povo kaŝiĝas en ĝi...

Gandhi pardonis mortigistojn, sed perforto ne pardonis lin. La 30-an de januaro 1948 Nathuram Godse unue salutis sinjoron Gandhi, kaj poste mortpafis lin...

**Post apero de la pasinta numero (2005:4) al la redakcio venis kelkaj pliaj reagoj al la demandaro pri terorismo, kiujn ni volonte publikigas ĉi-numere – Red.**

**"Hodiaŭ terorismo ne plu atakas potenculojn – ĝi blinde mortigas senkulpulojn"**

Dum longa tempo teroristoj atakis nur potenculojn, kiel ŝtatestrojn, financistojn aŭ politikistojn. La komenco de la 20-a jarcento estis la tempo de anarkiistaj teroristoj: kelkaj revoluciuloj ĵetis bombojn al reĝaj aŭ respublikaj procesioj por ŝangi la socion, por montri al laboristoj tiujn, kiuj ekspluatas ilin. Hodiaŭ terorismo ne plu atakas potenculojn – ĝi blinde mortigas senkulpulojn. La kialoj de la nuntempa terorismo ofte estas protesto kontraŭ troa riĉeco (aŭ aroganteco?) de la okcidentaj landoj.

Antaŭe la opozicioj en la evolulandoj estis kondukataj fare de naciaj kaj laikaj movadoj, ofte marksisme inspiritaj. Hodiaŭ, pro la malapero de la soveta sistemo, tiuj opozicioj estas kondukataj fare de integrismaj religiaj movadoj. G.W. Bush diras, ke li volas konduki frontan militon kontraŭ terorismo. Tiu konduto estas kaj pereiga, kaj ankaŭ neutila (li ja propramane kreis terorismon en Irako, kie antaŭe ĝi ne ekzistis). Miaopinie, nur ekonomia kreskado de la evolulandoj, aliro al klerigado kaj disvolviĝo de kritika pensado malinstigos gejunulojn serĉi azilon de senlaboreco, mizero kaj malespero en religia integrismo.

**Olivier Gaudefroy, Francio**

**"Terorismo estas elmontro de senpoveco kontraŭ muro de nekomprenemo"**

La plej bona kuracilo kontraŭ terorismo estas ne doni ekzistokialon al ĝi. Niaj rusiaj (kaj ne nur ili) potenculoj faras ĉion por krei multajn problemojn por homoj en multaj partoj de la mondo. Poste ili metas tiujn homojn en seneliran angulon, kaj jen tiuj homoj devas uzi la plej ekstremajn metodojn. Terorismo estas elmontro de senpoveco kontraŭ muro de nekomprenemo kaj ignorado de la plej akraj kaj solvindaj problemoj.

Kion oni faru? Nun, kiam la atakoj jam komenciĝis, oni devas fari ĉion por konservi la vivojn de la homoj – tio estas trovi eblojn por dialogo. Eĉ se ne kun teroristoj, tiam almenaŭ kun tiuj, kies interesojn ili gardas. Per aliaj vortoj – cedi. Alimaniere ne eblas ĉesigi terorismon.

La plej ofenda afero, kaj preskaŭ nekomprenebla de morala vidpunkto, estas uzado de tragedioj kaj teroratakoj en politikaj celoj. Estas terure kiam infanoj fariĝas ostaĝoj, sed estas ne malpli terure, kiam la prezidento de Rusio uzas tiun tragedion por antaŭenigi siajn politikajn aventuraĉojn. Jen oni akceptas la novan leĝon pri batalo kontraŭ terorismo, kiu ebligas al la potenculoj preskaŭ plene nuligi la rajtojn kaj liberecojn en ajna necesa momento, kaj tiel plu.

Ĉiuj kontraŭterorismaj paroladoj en Rusio, same kiel senĉesa timigado per "minaco de terorismo", kiujn faras la Okcidento, aparte Usono, estas uzataj simple por pravigi siajn malsukcesojn en la ekstera, interna kaj alia politiko. Serĉado de iu ekstera malamiko, ekzemple terorismo, permesas ke oni kaŝu siajn malsaĝajn agojn kaj evidentajn fiaventurojn, eĉ krimojn de la ŝtato kontraŭ ĝiaj loĝantoj. En Rusio estas pluraj ekzemploj de tio, kaj la popolo daŭre "englutas" tion. Ĉu tio longe daŭros? La tempo montros...

**Dmitrij Kokorev, Rusio**

***Viaj opinioj estas bonvenaj ĉe nia adreso: Kontakto, 16800 Phillips Rd., Alpharetta, GA 30004, Usono. La redakcio kaj la eldonantoj ne respondecas pri opinioj de unuopaj aŭtoroj. Republikigo de artikoloj el la rubriko "Opinie" eblas*** **NUR** ***kun eksplicita permeso de la redakcio.***

# De kiu valoro?..

Opa Moses Gbetogo, Niĝerio

De kiu valoro estas mia riĉeco, se mi ne povas riĉigi malriĉulon?
De kiu valoro estas mia saĝo, se mi ne povas saĝigi malsaĝulon?
De kiu valoro estas sano, se mi ne povas sanigi malsanulon?
De kiu valoro estas mia komforto, se mi ne povas doni **komforton** al malkomforta koro?
De kiu valoro estas libero, se mi ne povas liberigi malliberulon?
De kiu valoro estas mia manĝaĵo, se mi havas multon por manĝi kaj malsatulo mortas?
De kiu valoro estas vestaĵ-**ŝranko** plena je **roboj**, dum aliaj **nudas**?
De kiu valoro estas mia vid-povo, se mi ne povas redoni la vid-povon al **blinduloj**?
De kiu valoro estas miaj multaj aŭtoj, kiam miaj najbaroj ne havas eĉ unu?
De kiu valoro estas **gajni** la tutan mondon, se miaj najbaroj mortos?..

**komforto** – tio, kio forprenas malfacilaĵojn
**nuda** – senvesta
**ŝranko** – vestaĵujo
**robo** – longa vestaĵo
**blinda** – senvida
**gajni** – ricevi, ekhavi



# Kotiztabelo de UEA por 2006

| Lando/valuto | MG | MJ(-T) | MA(-T) | SA | Kto | SZ |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstralio/dolaro | 15 | 38 | 95 | 57 | 34 | 190 |
| Aŭstrio/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Belgio/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Brazilo/eŭro | 4 | 11 | 28 | 17 | 10 | 56 |
| Britio/pundo | 6 | 15 | 38 | 24 | 14 | 76 |
| Bulgario/eŭro | 4 | 11 | 28 | 17 | 10 | 56 |
| Ĉeĥio/krono | 200 | 490 | 1220 | 770 | 460 | 2440 |
| Danio/krono | 65 | 165 | 415 | 265 | 160 | 830 |
| Estonio/eŭro | 5 | 12 | 30 | 19 | 11 | 60 |
| Finnlando/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Francio/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Germanio/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Greklando/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Hispanio/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Hungario/forinto | 1500 | 3700 | 9200 | 5800 | 3500 | 18400 |
| Irlando/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Islando/eŭro | 9 | 22 | 56 | 34 | 20 | 112 |
| Israelo/eŭro | 7 | 18 | 44 | 26 | 16 | 88 |
| Italio/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Japanio/eno | 1200 | 3000 | 7500 | 4500 | 2700 | 15000 |
| Kanado/dolaro | 14 | 34 | 86 | 52 | 31 | 172 |
| Malto/eŭro | 6 | 15 | 38 | 24 | 14 | 76 |
| Nederlando/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Norvegio/krono | 75 | 185 | 460 | 275 | 165 | 920 |
| Nov-Zelando/dolaro | 17 | 44 | 109 | 65 | 39 | 218 |
| Pollando/zloto | 20 | 50 | 120 | 75 | 45 | 240 |
| Portugalio/eŭro | 9 | 22 | 56 | 36 | 22 | 112 |
| Rusio/eŭro | 4 | 11 | 28 | 17 | 10 | 56 |
| Slovakio/krono | 200 | 550 | 1400 | 900 | 550 | 2800 |
| Svedio/krono | 80 | 210 | 520 | 330 | 200 | 1040 |
| Svislando/franko | 14 | 34 | 86 | 52 | 31 | 172 |
| Usono/dolaro | 10 | 25 | 63 | 38 | 23 | 126 |
| TARIFO A/eŭro | 6 | 15 | 38 | 23 | 14 | 76 |
| TARIFO B/eŭro | 4 | 11 | 28 | 17 | 10 | 56 |

ALIAJ LANDOJ: Luksemburgio laŭ Belgio; San-Marino laŭ Italio; Kipro laŭ Malto; Liĥtenŝtejno laŭ Svislando; Latvio, Litovio kaj Slovenio laŭ Estonio.

TARIFO A: Honkongo, Korea Respubliko, Singapuro, Sud-Afriko,Tajvano.

TARIFO B: Ĉiuj ceteraj landoj ne jam menciitaj.

MALLONGIGOJ:

**MG** – Membro kun Gvidlibro

**MJ** – Membro kun Jarlibro

**MJ-T** – MJ malpli ol 30-jara (individua membro de TEJO; ricevas ankaŭ la revuon *Kontakto* kaj la bultenon *TEJO tutmonde*)

**MA** – Membro-Abonanto (ricevas la Jarlibron kaj la revuon *Esperanto*)

**MA-T** – MA malpli ol 30-jara (individua membro de TEJO; ricevas ankaŭ la revuon *Kontakto* kaj la bultenon *TEJO tutmonde*)

**SA** – Simpla abono de revuo *Esperanto* sen membreco

**Kto** – Simpla abono de revuo *Kontakto*

**SZ** – Societo Zamenhof (subtena kotizo aldone al membrokotizo)

**PT** – Patrono de TEJO: 3-oblo de MJ (ricevas *Kontakto* kaj *TEJO Tutmonde*)

**DM** – Dumviva Membro: 25-oblo de MA (ricevas dumvive la samon kiel MA)

**DMJ** – Dumiva Membro kun Jarlibro: 25-oble de MJ (ricevas dumvive la samon kiel MJ)

**Kiel individuaj membroj de TEJO** (MJ-T aŭ MA-T) por 2006 estos registritaj tiuj individuaj membroj de UEA, kiuj estos malpli ol 30-jaraj la 1an de januaro 2006 (t. e. kiuj naskiĝis en 1976 aŭ poste). Ankaŭ Dumvivaj Membroj samtempe membras en TEJO, dum ili estas malpli ol 30-jaraj.

**Eblas aboni** ankaŭ al *TEJO tutmonde* sen membreco en TEJO. La abonprezo estas duono de la MJ-kotizo por la koncerna lando.

**Oni povas pagi** pere de la perantoj de UEA, aŭ rekte al UEA per ĝiro al ĝia banka aŭ poŝta konto, per ĉeko aŭ poŝtmandato, aŭ per kreditkarto.

**JUNA AMIKO – internacia e-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj**

**– aĝas 30 jarojn kaj aperas 3-foje jare (aprilo, septembro, decembro) sur po 52 plurkoloraj paĝoj kun plenkoloraj kovriloj;**

**– havas kunlaborantojn el ĉiuj kvin kontinentoj;**

**– rabato ĝis 50%!**

**Karakterizas ĝin:**

***modela stilo* kaj *facila lingvaĵo* (1500 vortradikoj sen glosoj), *enhavo tre varia:* rakontoj, fabeloj, raportoj, informoj, interesaĵoj, enigmoj, kvizoj, versaĵoj, ludoj, kantoj, humuro, lingvaj konsiloj, interkulturo, kuriozaĵoj, voĉo de legantoj k.a. kun multaj ilustraĵoj.**

**JUNA AMIKO estas fonto de taŭgaj legaĵoj por komencantoj, fidinda helpilo por E-kursgvidantoj.**

**Vizitu nian TTT-ejon: <*www.junaamiko.inf.hu*> *aŭ* en <www.lernu.net>!**

## Gratule

***La Kontakto-redakcio kaj ĉiuj legantoj elkore gratulas la novgeedzojn! Eternan amon kaj ĉiaman komprenemon al vi, karaj!***



**La 7-an de septembro geedziĝis Olga (Onjo) Ĉernišova, Rusio, kaj Lluís Batlle i Rossell, Katalunio**



**La 22-an kaj 23-an de julio en Francio geedziĝis Valentina Sidorova (Grimpi), Rusio, kaj Bertrand Hugon, Francio**

## Gratule

***La kvinan de aŭgusto en la familio Okabe Piton (Brazilo) naskiĝis filino Milena! Koran gratulon al la fieraj gepatroj (jam de du gefiloj!) kaj bonvenon al la mondo – kaj Esperantujo – al eta Milena!***



FARIĜU KONSCIA SUBTENANTO DE TEJO!

fariĝu patrono de TEJO

Pagante trioblon de vialanda MJ(-T)-kotizo vi ne nur subtenas la esperantistan junularon; de TEJO vi ankaŭ ricevas:

– revuon *Kontakto*

– bultenon TEJO Tutmonde (oficiala organo de TEJO)

– akcepton dum la ĉiujara Universala Kongreso

– aliajn laŭokazajn servojn kaj publikigaĵojn

## Ĉu vi serĉas korespondamikon?

Sendu al *Koresponda Servo Mondskala* jenajn detalojn: nomo, adreso, sekso, aĝo, profesio, geedza stato, kiom da korespondantoj vi deziras, en kiuj landoj kaj pri kiuj temoj. Kunsendu 2 internaciajn respondkuponojn, aŭ, se ili ne estas aĉeteblaj en via lando, neuzitan poŝtmarkon. KSM pludonos viajn informojn al alia(j) korespondemulo(j), kiu(j) konformas al viaj deziroj. Vi ricevos rektan respondon. KSM estas servo de UEA.

Skribu: **Koresponda Servo Mondskala, B.P. 6, FR-55000 Longeville-en-Barrois, Francio**

# La revo, kiu... dronis



Strato Bourbon "rigardanta" al Strato Canalo

VIKIPEDIO

*Ĵenja Amis, Ukrainio/Usono*

**Mi neniam estis en Nov-Orleano, sed mi ĉiam amis tiun urbon. Ŝajne tio ofte okazas – oni distance enamiĝas al eleganta Venecio, ŝika Parizo, muzikplena Vieno aŭ eterna Romo pro libroj, filmoj, fotoj, muziko, televido... Por mi tia urbo estis Nov-Orleano. Mi ial sentas, ke mi ĉiam apartenis al ĝi – kvazaŭ mi konis ĝian guston, aŭdis ĝian spiron, dividis ĝiajn ĝojojn kaj malĝojojn. Kial – mi ne scias. Eble en la antaŭa vivo mi loĝis tie...**


Belaj stratoj de la Franca Kvartalo ĉiam allogas multajn vizitantojn

VIKIPEDIO

Nov-Orleanon oni aŭ amas aŭ malamas. Ĝi estas kiel malnova vino – iuj ŝategas ĝin, iuj ne trinkas vinon entute, kaj aliaj simple preferas bieron. Sed oni ne povas resti indiferenta al ĝi – Nov-Orleano ja estas la plej nekutima urbo en Usono! Kial? Eble pro tio, ke ĝi estas malracia – ekde sia naskiĝo. En 1719, unu jaron post la fondiĝo de Nov-Orleano kiel ĉefurbo de la nova franca kolonio Luiziano, uragano detruis ĝiajn unuajn palmetajn kabanojn... Inĝenieroj provis konvinki la fondinton de Nov-Orleano – Jean-Baptiste le Moyne – transloki Nov-Orleanon al pli sekura loko, kiu ne estu en tiel danĝera situo: inter maro, lago kaj riverego, kaj aldone al ĉio – eĉ sub mar-nivelo! Sed la fondinto restis firma. Du jarojn poste alia uragano detruis jam kvar domblokojn en Nov-Orleano... Ne estas do surprizo, ke la unua entrepreno en la urbo estis vinvendejo!

Nov-Orleano estas ribelema. Ĝi malestimas puritanismon kaj ne ŝatas ajnajn limigojn – ĝi estas manifestiĝo de vivoĝoja latinida kulturo miksita kun kaj gustigita de nigruloj kaj karibianoj. Luiziano cetere estas la sola ŝtato, kies leĝaro funkcias ne laŭ la angla komuna leĝo, sed laŭ la napoleona kodo!


Luis Armstrong, la mondfama nov-orleanano

VIKIPEDIO

Ankaŭ regionetoj en Luiziano nomiĝas ne "kantonoj", kiel en cetera Usono, sed "paroĥoj".

En la vejnoj de Nov-Orleano fluas muziko! Ĝuste tie naskiĝis ĵazo, ĝuste tie aperis la unuaj "marŝantaj orkestroj", kaj ĝuste tie la flughaveno portas nomon ne de iu politikisto – sed de muzikisto: de mondfama lokano Luis Armstrong...

Novorleananoj estas fatalistoj. Eble, pro la loĝado en tiel malsekura loko ili alkutimiĝis kvazaŭ ne rimarki la danĝeron kaj festi ĉiun tagon de la vivo. La fama novorleana *Mardi Gras* [mardigra] allogas al la urbo karnaval-ŝatantojn el la tuta lando (kaj eĉ mondo)! Eĉ morto por la novorleananoj estas parto kaj daŭrigo de la vivo – ili povas fari eĉ entombigon festo, kun muziko kaj dancoj! Ĉu pro tio oni nomas Nov-Orleanon "Big Easy" – Granda Facilo?

Nov-Orleano konis multajn malbonajn tempojn: danĝerajn malsanojn en la 19-a jarcento, detruajn uraganojn kaj inundojn – Uragano Betsy en 1965 forprenis 75 homajn vivojn... Sed la urbo rekonstruis sin, novaj kvartaloj kreskis eĉ pli "profunde" sub la mar-nivelo, kaj la urbo fariĝis pli bela kaj alloga. Ĉu ĝi povos resaniĝi – aŭ renaskiĝi (kaj se jes – en kiu formo?) eĉ post ĉiuj teruraĵoj de Uragano Katrina? Aŭ – pli precize – post ĉio, kion la novorleananoj travivis pro "katastrofo en katastrofo" – la krima neglektemo, neatentemo kaj ĝisosta burokrata rigideco de la registaro?.. Tiuj demandoj – kaj multaj aliaj – certe maltrankviligas ne nur min...


Tiu ĉi bildo estis farita de helikoptero, fare de usona mararmeano. La granda konstruaĵo en la centro estas stadiono *Superdome*, kie dum multaj tagoj loĝis 15-20 mil homoj

VIKIPEDIO